VIIa jaro. No 101 ★ Duonmonata ★ 20 Majo 1911

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**ABONO**

Jara abono . . . . . . 2,00 $ (5 fr. ») 
Luksa eldono . . . . . 2,50 $ (6 fr. 25)

*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.*

DIREKTORO :

HECTOR HODLER

**REKLAMO**

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco). 20 Sd.
Anonceto (1 linio : 10 vortoj) . 15 Sd.
Korespondado (1 enskribo) . . 20 Sd.

*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.*

Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



## CIFEROJ...

Ekzistas personoj, kiuj ne ŝatas la ciferojn. Ili pli volonte aŭskultadas belsonajn frazojn kaj volupte lasas sin luladi per promesplenaj paroloj pri glora estonteco. Ju pli malproksima de la realeco estas ia afero, des pli plaĉas ĝi al ili. Aliaj homoj ekzistas, kiuj iafoje uzas ciferojn, sed kondiĉe ke ĉi tiuj submetiĝu al la ludo de ilia trograndigema fantazio. Ili sentime ripetas, ke ekzistas du aŭ tri milionoj da Esperantistoj : ili konsideras kiel realaĵon tion, kion ili deziras. La miloj kaj milionoj anstataŭas la dekojn kaj centojn.

Tamen, kiom da intereso en la sekaj veraj ciferoj ! Senmelodia, senideala, severa, ofte kruela estas ilia lingvo, sed ĝi havas la certecon, la potencon, la superecon de la realeco. Sole per ĝi ni povas apartigi la seriozon de la neseriozo, la krudan veron de la ĝin kaŝantaj ornamoj. Precipe mortiga malamiko de la blufo ĝi estas. La ĉarlatanoj devas aŭ silenti pri la ciferoj aŭ ilin falsi. Kiom da entreprenoj, kiuj momente per lerta aŭ senhonta reklamo ŝajnigas sin gravaj, aperus neseriozaj se oni atentus pri tiuj kelkaj ciferoj, kiuj palpeble montras ilian agadon. Ekzemple, tiu sekretario de Internacia Idista Unuiĝo distrumpetas pri la progresoj de sia afero, sed — danĝera simptomo — li zorge evitas publikigi precizajn, certe vulgarajn sed tamen karakterizajn ciferojn : la etato de ĝiaj membroj, la sumo de la enspezitaj kotizaĵoj, la movado de la korespondaĵoj. Tiu Esperantista senmezura propagandisto fanfaronas pri la ekzisto de 110 aŭ 120 Esperantaj gazetoj sed li neniam demandis al si kiom da legantoj tio reprezentas. Ni timis la ciferojn, ĉar ili tro precize montris al ni la distancon inter la nuna realaĵo kaj la celo. Tio devenis precipe el la fakto, ke en la unuaj jaroj ni kredis, ke Esperanto utilos nur kiam la tuta civilizita terglobo aliĝos al ĝi. Tiu malkuraĝiga opinio feliĉe estas malaperanta : ni povas utiligi Esperanton kun niaj nunaj fortoj. Ni paŝas en la kampo de la realaĵo kaj en ĝi la ciferoj reakiras sian tutan valoron.

Tamen, se ciferoj solaj donas ideon pri la stato de iu entrepreno, ili nenion diras pri ĝia vivo en la tempo, pri ĝiaj progresoj kaj malprogresoj. Por atingi tion, necesa estas la statistiko, kiu pri certa temo liveras ciferojn dum difinita tempo. El la komparo de tiuj ciferoj oni ricevas precizan mezuron de la agado kaj prospereco de tiu entrepreno. Tradukitaj en grafikojn, tiuj ciferoj perdas sian sekecon kaj konkrete, okulvideble esprimas la fluojn kaj refluojn de la vivo.

* * *

En nia movado ni ĝis nun havis nur statistikojn pri la Esperanta *propagando* : nombro de la grupoj, societoj, gazetoj, laŭlande kaj laŭjare. Tio bone montras la kreskantan disvastiĝon de nia afero, sed ne ĝian nunan utilecon. Kvankam tion multaj kredas, la utileco ne estas ĉiam proporcia al la nombro, sed al la interrilatoj. La nombro de la personoj sciantaj la latinan lingvon estas multe pli granda ol la nombro de la Esperantistoj. Tio ne malhelpas, ke praktike la latina lingvo jam nun multe malpli utilas ol Esperanto, ne sole pro sia malfacileco (malgraŭ tio multaj personoj ĝin scias tre sufiĉe bone) sed pro manko de servoj kaj de rilatoj inter la homoj ĝin konantaj.

Statistikon pri la uzado de Esperanto oni povis fari nur per internacia kaj aplika organizaĵo, nome per U. E. A. Tion ĝi provis fari tuj de la komenco. La unua farita statistiko rilatis al la tempo forpasinta de ĝia kreo ĝis la fino

de 1909, do entute 18 monatoj. La dua rilatis al la jaro 1910. Oni do povas jam kompari pri la progresoj faritaj en la uzado de la Esperantiaj servoj. La subaj ciferoj tion montros. La elementoj de tiu statistiko estas liverita de la Delegitoj mem, al kiuj ni sendis detalan demandaron. Malgraŭ nia zorgo, ne ĉiuj Delegitoj respondis.

La ciferoj realaj estus do iom pli altaj, sed ne multe pli, ĉar ĉiuj reprezentantoj en la plej gravaj regionoj respondis. Kiam la Delegito respondis per du ciferoj por la sama rubriko ni ĉiam elektis la pli malaltan. Ni nun vidu la rezultatojn (1) :

| Fako | Jaro 1910 | | Jaro 1909 |
|---|---|---|---|
| Administrado | 2.293 | 3.756 | 940 |
| Virinoj | 91 | | |
| Maristoj | 16 | | |
| Diversaj | 1.356 | | |
| Komerco kaj Laboro | | 1.513 | 1.120 |
| Turismo | | 681 | 650 |
| Junuloj kaj studentoj | | 402 | 218 |
| Nombro de vojaĝintaj Esp-ianoj | | 1.410 | 628 |
| Nombro de la servoj | | 7.462 | 3.556 |

Kiel oni povas konstati el tiu tabelo, la nombro de la servoj iom pli ol duobliĝis de unu jaro al alia. Tiu kresko tamen ne egale atingas ĉiujn fakojn. Dum la nombro de la administraj kaj diversspecaj servoj kvarobliĝis, kaj duobliĝis la nombro de la servoj al junuloj, la servoj pri komerco kaj turismo pli malrapide kreskis. Tamen, se pri tiu lasta la nombro de la skribaj informpetoj restis preskaŭ sama dum la du jaroj, la kvanto de la servoj faritaj al la vojaĝantaj Esperantianoj duobliĝis — kio estas certe tre ĝojiga fakto. Ni rimarku, ke tiu nombro ne rilatas al la Esperantianoj, sed al la servoj. Dum vojaĝo sama Esperantiano povas uzi la servojn de U. E. A. tiom da fojoj kiom da urboj li vizitas. La servojn de la virinaj konsulinoj kaj de la maristaj konsuloj oni ankoraŭ tre malmulte uzas.

Aliaj ciferoj konfirmas la supre notitajn progresojn, nome la movado de la korespondaĵoj :

| | Jaro 1910 | Jaro 1909 |
|---|---|---|
| Korespondaĵoj ricevitaj de la Del. | 6.477 | 2.692 |
| Korespondaĵoj forsenditaj de la Del. | 7.474 | 3.062 |
| Movado de la Korespondaĵoj ĉe la Centra Oficejo de U.E.A. | 23.940 | (ne kalkulita). |
| | 37.591 | |

Sama progreso pri tio, kio koncernas la propagandon de U. E. A. Dum en 1909 ni kalkulas 326 gazetartikolojn pri U. E. A. kaj 218 paroladojn, tiuj nombroj fariĝas por 1910 respektive 606 kaj 404.

Serĉi la meznombron de tiuj diversaj servoj po Delegito, kiel kelkaj statistikemuloj estus tentataj, signifus nenion. Efektive, la graveco de la tasko de la Delegitoj tute ne estas egala ; ĝi ekstreme varias laŭ la graveco ekonomia kaj, por tiel diri, la kosmopoliteco de la urboj, kiujn ili reprezentas. Multaj Delegitoj loĝantaj en urboj ĉu malgrandaj, ĉu sufiĉe grandaj, sed por fremdlando malmulte interesaj, faris preskaŭ nenian servon. Eĉ kelkaj plendas pri tiu deviga neagado. Malgraŭ tio, la tasko de tiuj Delegitoj ne estas senutila. Unuparte, ili povas varbi en sia loko Esperantianojn, kiuj siavice uzos la servojn de la Delegitoj en la grandaj kaj malgrandaj lokoj ; aliparte ili per U. E. A. povas konigi sian lokon fremdlanden. Estas efektive surpriziga kiom multaj personoj malprecize scias pri la situacio kaj ekonomia signifo de la mezgrandaj urboj en fremda lando.

Ekzemple, Franco scias kie estas Berlino, Munheno, Hamburgo kaj Dresdeno, sed kiom ne scias en kiu parto de Germanujo troviĝas Danzig, Bromberg, Magdeburg, Chemnitz aŭ Braunschweig, kiuj tamen estas gravaj urboj. La popolamaso konas pri fremdlando nur la urbegojn ; eĉ vojaĝante oni tre ofte vizitas nur la ĉefurbojn kaj ne atentas la mezgrandajn lokojn, kiuj tamen pli bone karakterizas la laboron de iu lando. Estas unu el la taskoj de U. E. A. praktike helpi al la ŝirado de la ankoraŭ tro densa vualo, kiu staras inter la landoj, kaj partoprenigi ankaŭ la negrandajn urbojn en la internacia vivo.

Dume, la internaciaj interesoj estas limigataj al la grandaj urboj kaj al la lokoj havantaj specialan ekonomian gravecon. Estas evidente, ke en tiuj regionoj niaj Delegitoj havas multe pli da laboro ol siaj kolegoj. Kelkaj el ili devis respondi atentindan nombron de informpetoj, por kiuj utile helpis la diversfakaj konsuloj. La diverseco de la servoj postulataj de la membroj estas efektive ekstrema kaj ĉar la Delegito ne estas ĉioscia, montriĝis utila en tiuj urboj la institucio de la konsuloj, kiun kelkaj komence opiniis superflua.

Se oni dividas la nombron de la servoj per la nombro de niaj membroj, oni konstatos, ke dum 1910 ĉiu Esperantiano meznombre uzis la Esperantiajn servojn unu fojon. Tio estas ankoraŭ malmulte, sed tamen montras realan progreson kompare kun 1909 (unu servo por du membroj). Ni konas personojn, kiuj en la daŭro de la jaro uzas la servojn de nia Asocio dekojn da fojoj ; aliaj Esperantianoj, kiuj ne havas internaciajn materiajn interesojn, fakte ne uzas ilin. Sed, aliparte, ekzistas ankoraŭ sufiĉe multaj Esperantianoj kiuj iafoje povus profiti la servojn de U. E. A. sed tute ne pensas pri tio... Ili pagas kotizaĵon, ricevas membrokarton, kaj en okazo de bezono forgesas la ekziston de nia Asocio. Tio estis kaŭzata grandaparte de nescio kaj oni povas esperi, ke dank'al la sendado de la Jarlibro al ĉiuj Esperantianoj, tiaj personoj fariĝos pli kaj pli maloftaj.

Kvankam tio ne rekte apartenas al nia agadkampo, ni uzis la okazon por fari statistikon pri la Esperantaj kursoj kaj lernantoj. Estas cetere interese scii, kia estas la proporcio de la novaj Esperantianoj kompare kun la novaj Esperantistoj. Laŭ la kalkulo farita, dum 1910 okazis 739 Esperantaj kursoj, kiujn vizitis entute 11.941 lernantoj. Ĉar tiu statistiko estas farita la unuan fojon, ni ne povas kompari, sed interese estos tion fari en la venontaj jaroj. Tuj de nun, oni povas konstati, ke tro malmultaj Esperanto-Kursanoj fariĝas aktivaj Esperantistoj kaj sekve Esperantianoj. La Delegitoj kaj la Esperanto-instruantoj devus energie klopodi por anigi al nia Asocio la lernantojn ĉe la kursoj, ne atendante la finon de la kurso, sed agante dum ĝi kaj detale konigante al ili la mekanismon de U. E. A., kiu estas almenaŭ tiel grava kiel ekzemple la subtilaĵoj de la participaj finaĵoj *ata* kaj *ita*. Tro ofte profesoro finas sian kurson kaj adiaŭas siajn lernantojn, kies plimulto disiras kaj malinteresiĝas por Esperantismo ĉar ĝi ne scias, kion fari per ĝi. Sendube ekzistos ĉiam diferenco inter la nombro de la kursanoj kaj de la realaj varbitoj, ĉar ĉiam ekzistos homoj, kiuj entuziasmiĝos por io, kion ili forlasos dek tagojn poste, sed ĝuste nia ĉefa laboro estas plimalgrandigi tiun diferencon kaj konservi kiel eble plej multajn el la Esperanto-lernantoj. Tio estas multe pli grava ol aranĝi novajn bruajn propagandajn manifestaciojn. Ni unue sciu, kion fari per niaj nunaj lernantoj.

*
* *

La ciferoj, kiujn ni supre komentariis, estas certe ankoraŭ tre modestaj. Ili tamen estas ĝojigaj kaj esperigaj, ĉar ili nerefuteble pruvas, ke pli kaj pli niaj membroj kutimas uzi la Esperantiajn servojn, alivorte ke U. E. A. kontentiginte novajn bezonojn, pruvis sian ekzistrajton. Ili montras al ni, ke per internacia praktika organizaĵo Esperanto jam nun utilas al certa nombro de homoj.

Kaj nun, ho oftete senkuraĝa Esperantisto, supozu, ke

TURISMO

## La internacia ekspozicio por vojaĝo kaj turismo en Berlin

Unu el la plej belaj ekspozicioj specialaj, kiujn mi ĝis nun vidis, estas tiu ĉi, kiu havas lokon en la grandegaj ekspoziciaj haloj apud la Berlin'a Zoologia Ĝardeno, de la 1-a de aprilo ĝis la 20-a de junio. Ĝi distingiĝas de similaj ekspozicioj precipe per la fakto, ke ĝi ne sole preferas la akcelon de materiaj interesoj, sed antaŭ ĉio ĝi estas entreprenita por vigligi la ĝojon pri amuza vojaĝado kaj turismo kaj favori amikajn interrilatojn inter la diversaj nacioj. Por la vojaĝanto kaj turisto ne ekzistas politikaj limoj; ili iras tien, kie ili opinias trovi belajn regionojn kaj mallaciĝon de la ĉiutaga laboro. Tiajn lokojn prezentas tiu ekspozicio en granda abundeco. Ne estas eble priskribi en mallonga artikolo ĉiujn ĝiajn vidindaĵojn; tio postulus verkadon de ampleksa volumo. Tie ĉi mi povas nur koncize raporti pri la plej gravaj elmontraĵoj. Kiu interesiĝas pri detaloj — venu mem kaj vizitu la ekspozicion. Do, kara leganto, sekvu min en spirito, ni volas trarapidi la du grandajn halojn de la ekspozicio.

Kompreneble estas, ke en entrepreno, kiu estas vere internacia, kaj kiu celas faciligi la internaciajn interrilatojn, ne devas manki nia internacia lingvo. Kaj ĝuste ĉe ĉiu enirejo oni jam ekscias, ke Esperanto estas reprezentata, per jenaj afiŝoj : « Esperanto-Informejo sur la galerio en la ĉefa halo ». Enirinte tra la ĉefa enirejo oni ankaŭ tuj ekvidas antaŭ si sur la galerio la oficialan informejon de Germana Esperanto-Asocio kaj U. E. A., sole signitan per la vorto *Esperanto*, kiu brilas sur la supra parto de la informejo kaj estas videbla preskaŭ de ĉiu loko en la halo. Sed pri la esperanta afero mi parolos poste, unue ni rigardu la aliajn vidindaĵojn.

Ni turnu nin maldekstren. Post kelkaj paŝoj ni staras surprizitaj antaŭ grandega dioramo, kiu okupas vastan podion de la halo ĝis la plafono. Ĝi montras la insulon *Rügen* en la Balta maro tiel laŭnature, ke oni opinias sin vere antaŭ la kretrokoj de tiu fama insulo. Krom tio multaj bildoj kaj aliaj objektoj atentigas pri la diversaj banlokoj kaj admirindaj punktoj de Rügen. Belega ankaŭ estas la panoramo kaj plastika montro de *Glatzer Gebirgsland* kaj parto de *Riesengebirge* en Silezio. Kun mirinda natureco estas kopiitaj la montoj kun siaj ĉarmaj valoj, en kiuj sidas pli-malpli konataj banlokoj, ekz. *Schreiberhau, Hermsdorf, Krummhübel* k. a. Tiu ĉi panoramo okupas le mezon de la halo. Irante al la alia flanko, ni tuj troviĝas en la ekspozicio de *Elsass-Lothringen*, la lando de l'kasteloj. Tiun ĉi nomon la bela regiono vere meritas! Multaj el la kasteloj kaj ruinoj estas montrataj per artaj pentraĵoj kaj fotografaĵoj, dum aliaj bildoj kaj plastikaj modeloj vidigas la belecon de la romantikaj *Vogesen*. Apud Elsass-Lothringen ni trovas la ekspozicion de *Baden*, en kiu estas vidindaj du bele faritaj dioramoj de la urbo *Baden-Baden* kaj de *Triberger Wasserfall*, la plej granda akvofalo de Germanujo. Sekvas la kolektiva ekspozicio de la ĉarma *Turinga lando*. Ĝi okupas tre grandan lokon kaj montras per multege da artaj bildoj, malgrandaj dioramoj kaj plastikaĵoj la diversajn vizitindajn urbojn kaj vilaĝojn en la ebenaĵo kaj inter la montoj. Por ni esperantistoj estas speciale interesaj la bildoj de *Gotha*, kie havis lokon la kvara germana Esperanto-Kongreso. Proksime de Turingujo troviĝas la elmontraĵoj de *Bund Deutscher Verkehrsvereine* (asocio de germanaj unuiĝoj por interrilatoj) inter kiuj estas vidaĵoj de multaj germanaj urboj. Reprezentata estas ankaŭ *Augsbourg*, la urbo de la antaŭjara germana Kongreso, kiu same kiel *Potsdam* elmontras esperantajn gvidlibrojn. Tre rimarkinda estas la ekspozicio de la reĝolando *Saksujo*. Antaŭ ĉio altiras nin dioramoj de *Dresden* kaj *Saksa Svisujo*, kiuj lokoj certe ankoraŭ estas en bona memoro de la partoprenintoj en la Kvara Internacia Kongreso. Sed la saksa lando ankaŭ montras pruvojn de la diligento kaj lerteco de sia loĝantaro, elmetinte specimenojn de belegaj puntoj, mane faritaj en *Plauen* kaj ĉirkaŭaĵo.

Nun ni iru en la apudan grandan halon, kies teretaĝo kaj plej granda parto de la galerio estas rezervitaj por la « eksterlando ». Kaj tuj komenciĝas la malfacilaĵoj raporti pri la belaĵoj de la ekspozintaj landoj. Unu parto estas ĉiam pli bela ol la alia! Nu, ni unue rigardu la altajn regionojn de *Svisujo*, la « plej bela lando de la mondo », kiel diras Baron Hans von Grotewill en sia taglibro (1). Kaj ŝajnas al mi, ke li estas prava! Fortega deziro ekkaptas la rigardanton, vidi en realeco la belajn regionojn kaj travagi la majestan alpan montaron. Min ravis precipe tri belegaj panoramoj de *Zürich, Vierwaldstædter See* kaj *Ĝenevo*. Ĝuste antaŭ la lasta mi longe staris kaj pensis al niaj samideanoj, kiuj el tiu bela urbo regas la tutmondan Esperantianaron. Ne malpli bela estas la ekspozicio de *Aŭstrio*, kiu detale konigas al ni la vizitindaĵojn de tiu multpopola lando. Ni vidas partojn el la aŭstriaj montaroj kaj elegantajn banlokojn, de kiuj sin multe trovas en tiu naturbenita ŝtato. La aŭstriaj landoj pace konkuras en la ekspozicio per elmontro de siaj plej belaj vidindaĵoj. Interesaj estas ankaŭ la kostumoj de la diversaj aŭstriaj popoloj, montrataj per kolekto de grandaj pupoj.

Pli kaj pli la nordaj landoj fariĝas la celo de la vojaĝantoj kaj turistoj; eĉ dum la vintro ili estas ĉiam pli vizitataj pro siaj neĝaj regionoj, kiuj favoras la vintran sporton. Tial estas kompreneble, ke la landoj *Danujo, Svedujo, Norvegujo* kaj *Finlando* montras al ni siajn belaĵojn tiel alloge, ke oni tuj deziras forvojaĝi kaj viziti la nordajn regionojn. Krom admirindaj panoramoj ili prezentas ankaŭ produktaĵojn de siaj enloĝantoj. Sed ni ne forgesu la ĉarman holandan ekspozicion, kiu prezentas al ni malnovan holandan ĉambron, el kiu oni rigardas al bela dioramo de holanda pejzaĝo. Aliĝanta al la holanda ekspozicio ni vidas ekspozicion de la holanda kolonio *Java*, kiu montras al ni siajn strangaĵojn.

Sur la galerio de la dua halo ankaŭ havas lokon la tre interesa ekspozicio de la malnova urbo *Lübeck*, kie okazos la nunjara germana Kongreso. Preteririnte ĝin, ni ankoraŭ unufoje estas ravitaj de belegaj dioramoj de la *Braunschweiger lando*, kiuj montras al ni interesajn urbojn, kaj lokojn el la « Harz », la ĉefa montaro de tiu lando.

Nun ni estas revenintaj en la ĉefan halon kaj staras antaŭ la *Esperanto-Informejo*. Ĝi okupas amplekson de 20 kvadratmetroj, kiun la ekspozicia direkcio, ekkoninte la gravecon

(1) Taglibro de l'barono Hans von Grotewill. Notoj pri la I. E. p. V. k. T. Oficiala broŝuro pri la ekspozicio. Laŭ komisio de la direkcio en esperanta lingvo eldonita de G. E. A. (prilaboris Arnold Behrendt). Havebla ĉe la Esperanto-Komisiono por la I. E. p. V. k. T., Berlin S. W. 68, Lindenstr. 18/19 por du respondkuponoj, afrankite.

---

antaŭ ci staras pesilo. En la unuan teleron, aldonu al la supre nomitaj materiaj servoj la grandan profiton pri lingva scienco, kiun ci ricevis dank'al la lernado de Esperanto, kaj la gravan bonfaran edukan influon, kiun Esperantismo havis al cia cerbo kaj al cia koro; sur la alian teleron, amasigu la insultojn, la mokojn, la disreviĝojn, la kompatsignojn, kiujn ci ricevis dum cia agado. Ĉu ci ne sentas, ke kiel ajn peze ŝarĝata, tiu lasta telero estos senforta kontraŭ la alia?

H. Hodler.

de Esperanto, senpage disponigis al G. E. A. La loka komitato, kiu starigis la informejon kaj aranĝis la aliĝintan esperantan ekspozicion, klopodis havigi al si abundan materialon, por evidente pruvi la disvastiĝon kaj praktikan uzadon de nia lingvo. Ke la aranĝintoj bone sukcesis, estas videble je la unua rigardo. Sed ni eniru kaj detale rigardu la elmontraĵojn. En la mezo de la informejo, kiu estas konstruita kiel ĉambro, staras longa tablo, plenigita per lernolibroj kaj vortaroj por multaj naciaj lingvoj, plie per komercaj prospektoj, katalogoj kaj gvidlibroj. Super la tablo pendas sur mallarĝa stablo en longa vico precize 107 esperantaj gazetoj vivantaj, oportune lokitaj. Ĉe la dekstra muro troviĝas granda bretaro kun multaj fakoj, en kiuj estas elmetitaj la ĉefaj verkoj de la esperanta libraro ĉiufaka. Elmeti la tutan libraron estis simple neeble, ĉar tio postulus kvaroblan spacon. Sur la maldekstra muro estas fiksitaj la objektoj de U. E. A.: statistikaj kartoj, gvidfolioj, propagandiloj, plie komercaj prospektoj kaj aliaj aĵoj, kiuj atentigas pri la praktika uzado de Esperanto. Tute supre sub la plafono pendas sur ambaŭ muroj la Demonstraciaj Tabeloj de Esperanto Verlag Mœller kaj Borel, kiuj mirigas la vizitantojn pri la logika kaj simpla konstruo de nia lingvo. Super la enirejo oni pendigis grandan kolekton de esperantaj muzikaĵoj. La tuta riĉhava ekspozicio estas bone aranĝita, mi eĉ kuraĝas diri : ĝi estas preskaŭ tro plena, kvankam ankoraŭ ne estas elmetita la tuta disponebla materialo ! Tamen la ekspozicio bonege efikas, kaj multege da personoj ĝin vizitas. Ili estas detale informataj pri nia afero de Berlin'aj gesamideanoj, kiuj dum la tuta daŭro de la ekspozicio alterne ĉeestas. Ofte precipe dimanĉon, la alfluo de interesuloj estas tiel granda, ke eĉ 6 ĉeestantaj informantoj ne povas plenumi ĉiuj dezirojn. Kaj de tago al tago kreskas la nombro de la vizitantoj, tiel ke la esperanta ekspozicio ankaŭ rajtas atendi ĉiam pli grandan viziton. Jam multaj germanaj kaj alilandaj esperantistoj ĉeestis kaj esprimis sian ĝojon pri nia ekspozicio. Inter ili estis samideanoj el Anglujo, Hispanujo, Rusujo, Egiptujo, Svedujo, Norvegujo, Danujo, Holandujo, Hungarujo, Ameriko, k. a.

Granda ankaŭ jam estas la nombro de la personoj, kiuj per nia ekspozicio estas gajnitaj por nia afero, kaj konstante la nombro kreskas. De Pasko ni havos plian interesaĵon en nia informejo. La Berlina firmo Aktien-Gesellschaft für Lehrmittel-Apparate, kiu instruigas fremdajn lingvojn per helpo de fonografo, disponigos al ni aparaton kun esperante enparolitaj cilindroj. Per tio ni povos aŭdigi esperantajn tekstojn en poezio kaj prozo, por montri la belsonecon de nia lingvo. Unu el la cilindroj surhavas monologon el « Hamleto », parolitan de la fama aktoro *Emanuel Reicher*, la aranĝinto de la Ifigenio-prezentado en la Kongreso de Dresden 1908. La firmo ankaŭ interrilatis kun G. E. A. pro enparolado de esperanta teksto por kursoj. Jen grava afero, pri kiu ankoraŭ estos detale raportata.

Sed nun mi devas ankoraŭ paroli kelkajn vortojn pri alia « mondlingva ekspozicio » en la I. E. p. V. k. T. Mi celas la elmontron de « Vereinigung für internationale Hilfssprache » (Ido). La idistoj anoncis tiun ekspozicion jam longe antaŭ la malfermo de la I. E. p. V. k. T. kun granda bruo en ĉiutagaj kaj iliaj gazetoj, kaj oni rajtis konjekti, ke ili prezentos grandan materialon, kiel eble plej bone lokitan. Sed mi devis longe serĉi, antaŭ ol mi trovis la lokon de la idista ekspozicio. Fine mi sukcesis. Kaj kion mi vidis? Malgrandan tablon kun muro, granda entute maksimume 4 kvadratmetrojn, sur kiuj estas elmetitaj kaj fiksitaj kelkaj lernolibroj, vortaroj kaj gazetoj, ĉiam kun sufiĉa interspaco, por ke ne unu tuŝu la alian ! Sed ŝajnas, ke eĉ tiu malgranda loko estas ankoraŭ tro granda, ĉar la idistoj, por almenaŭ plenigi ĝin, devis elmeti dekfoje la libreton « Deutsches Hilfsbüchlein » (germana helplibreto) kaj 6 samajn numerojn de « Idano ». Kaj kion diros nia Majstro, eksciante, ke ankaŭ lia verko « Pri reformoj » troviĝas inter la idistaj elmontraĵoj? Bedaŭrinda « Mondlingvo » (tiu ĉi vorto en germana lingvo fiere brilas sur la muro), kiu tiamaniere devas riĉigi sian librareteton ! ! Iu ajn literaturaĵo en Ido ne estas elmetita, krom la lernolibroj kaj vortaroj el 1908, kiuj hodiaŭ jam estas preskaŭ senvaloraj, nur kelkaj nacilingvaj pritraktoj pri lingvaj demandoj. Kaj neniu ĉeestas, kiu povus atentigi la preterirantojn pri la « grava unika mondlingvo ». Por niaj samideanoj en la esperanta Informejo estas granda plezuro, post montro de nia ekspozicio rekomendi al la vizitantoj la ririgardon de la alia « pli bona mondlingvo », kiu stariĝis sur la tombo de Esperanto ! Ĉiuokaze ni devas danki la idistojn por la bonega reklamo, kiun ili faras per sia ekspozicio pri « la mortinta Esperanto ».

Sed dankon ni ŝuldas ankaŭ al tiuj personoj kaj entreprenoj, kiuj helpis la lokan komitaton per mona subteno aŭ pruntedonado de ekspoziciaĵoj aranĝi tian belan kaj efikplenan esperantan ekspozicion.

Entute la turisma ekspozicio estas vera vidindaĵo, kaj neniu hezitu viziti ĝin. Multege da elmontraĵoj mi ne povis mencii, kaj oni pardonu, se mi ĝuste forgesis ion, pri kio unu aŭ alia samideano volonte ion estus aŭdinta.

F. Ellersiek (Berlin).

## La denombrado en Granda Britujo

Maloftan, kvankam tre interesan tempopasigilon havis, la duan de aprilo, ĉiuj enloĝantoj de la Britaj insuloj ; ĉiu familiestro estis devigata plenigi la donitan folion per multaj informoj pri si mem, sia familio, siaj amikoj kaj iaj ajn personoj pasigintaj la lastan nokton en lia domo. Tiu respondo al formalaj demandoj unuavide ŝajnis facila, sed tamen multaj personoj malkontentiĝis, malsaniĝis aŭ freneziĝis, kiel montris la rakontoj en la humoraj jurnaloj mardon matene !

La plej malfacila tasko de la denombristoj estis la komputado de la senhejmuloj kaj batalantinoj por virina voĉdonrajto. La unuajn kolektis sur la stratoj la oficiroj de la *Sav-armeo*, kiuj multe helpis al la registaraj agentoj. Ĉiuj trovataj malfeliĉuloj, kiuj ne posedas eĉ dek spesdekojn por lui liton en la plej malkaraj loĝejoj, ricevis de la 11ª vespere en la diversaj lokoj de la urbo, azilon por la nokto. Post vespermanĝo kun supo, pano kaj viando, ili povis ripozi ĝis la 4ª matene ; sed antaŭ ol ilin ellasi, la oficiroj skribis en specialajn librojn iliajn nomojn, kun aĝo, metio, k. t. p. Oni do preskaŭ ekzakte konis la nombron de la senhejmuloj, ĉar nur tre malmultaj estis nerimarkitaj sur la stratoj inter la 11ª vespere kaj la 4ª matene. Ĉiuj senhezite kaj senprokraste respondis la demandojn kaj kiel eble plej multe helpis al la denombristoj.

Ne same agis la « voĉpetantinoj » ! Ĉar ili ne ankoraŭ ricevis la rajton voĉdoni, ili rifuzis sin enskribigi en la registarajn registrojn kiel civitanoj. Ĉiujn imageblajn rimedojn ili uzis por ne esti nombrataj, ne nur en Londono, sed en ĉiuj partoj de Anglujo, Irlando kaj Skotujo. En kelkaj urboj, ili luis ĉambrojn de komercaj oficejoj, koncertejoj, kinematografejoj kaj aliaj lokoj, kie alitempe neniu loĝas, kaj tie aranĝis vespermanĝojn, kartludadojn, k. c. ; aliaj promenadis dum la nokto en la arbaroj aŭ sur la kamparo ; aliaj luis veturilojn por transportado de mebloj kaj veturis en ili la tutan nokton, k. t. p. En ia domo, la protestulinoj estis « premitaj kiel sardeloj », laŭ la diroj de la sekretariino, kaj por ne sufoki ili estis devigataj teni la fenestrojn malfermitaj dum la tuta tempo de sia memvola malliberiĝo. Neniu scias ilian precizan nombron kaj sur la demanda folio la sekretariino skribis nur la nomon de la vira servisto, aldonante la vortojn : « Ĉi tie ĉeestas neniaj aliaj personoj, escepte virinoj ».

Strangaj kaj amuzaj rimarkoj estis ofte aŭdataj kaj ridigaj

faktoj okazis en diversaj lokoj, sed precipe ĉe la malriĉaj distriktoj. Tiel multaj ili estas, ke ni ne povas raporti pri ĉiuj. Ni do citos nur tri aŭ kvar el la plej interesaj. En suburbo de Londono, iu denombristo estis akceptata de okjara knabineto, kiu gardis la domon dum la foresto de siaj gepatroj; antaŭ ol la registara oficisto elparolis unu vorton, ŝi al li diris: « Se vi ĉi tien venis por kolekti impostojn, sciu ke la domposedanto devas ilin pagi; se vi venis rilate al ŝuldoj, vi eraris, ĉar ni ŝuldas neniom al iu ajn. »

Maljuna virino rifuzis plenigi la folion, ne sciante ĉu ŝia edzo vivas aŭ ne. Ŝi diris: « Mi estas nek vidvino, nek familiestro. Mia edzo laboras en minoj en malproksimaj landoj kaj li skribis en sia lasta letero, ke ĉiam oni devas timi la febron de la « nigraj akvoj », kiu estas mortdanĝera. Tial mi eble estas aŭ ne estas nun vidvino, tamen mi ne scias kaj mi ne volas skribi mensogojn sur la papero, ĉu ĝi estas por la registaro aŭ ne ».

Skotoj, kiuj vizitis amikojn en Londono, estis tute malkontentaj kaj esprimis sian opinion tiamaniere: « Ne estas juste, ke oni enskribas nin sur la anglajn registrojn, estas honta rabajo, kiu povos influi je la parlamenta reprezentado de Skotlando ». En malgranda vilaĝo, iu maljunulino devis viziti la tombejon por sciiĝi pri la ĝusta nombro de siaj mortintaj infanoj. En alia okazo, unu folio ne sufiĉis, ĉar la familio konsistis el deksep personoj (gepatroj kun infanoj) kaj sur la papero ekzistis nur dekkvin plenigeblaj spacoj.

P. Blaise (D. D. Londono).

---

## La denombrado de la loĝantaro de Germanujo

En la lastaj n-oj de « Esperanto » troviĝas raporto pri la denombrado de la loĝantaro en Usono. Certe interesos la samideanojn legi ion pri la sama entrepreno en Germanujo kiu okazis la 1an de decembro 1910.

La imperia registaro ne mem efektivigis la denombradon. Ĝi transdonis ĝin al ĉiu el la 25 unuiĝintaj ŝtatoj, kiuj siaflanke faris simile kaj komisiis la urbojn kaj komunumojn, kiuj interne de siaj limoj formis distriktojn kaj distriktetojn. Por ĉiu tia malgranda distrikto (en Dresden ĝi okupis proksimume 200 homojn) estis difinita unu denombristo. La ofico de denombristo estas honora, ne pagata. Kompreneble oni elektis inter la personoj, pretaj kunhelpi en ĉi tiu grandega laboro nur tiajn, kies konfidindeco garantias plej akuratan plenumadon de la tasko. Kelkajn tagojn antaŭe ili ricevis la necesajn paperajojn kiujn ili antaŭ la 1a de decembro disportis en la domojn kaj lokojn kie troviĝas homoj. Al ĉiu familio, aŭ unuiĝo de homoj, kiuj, — parencaj aŭ ne — vivadas kune aŭ al ĉiu izolevivanto estas donata listo, kies 20 rubrikoj enhavas la demandojn pri: plena nomo, parencaj aŭ aliaj rilatoj inter la kunevivantaj geviroj, sekso, aĝaj datoj, religio, nacieco, lingvo (*infane ellernita*) ĉefa profesio, ĉu la pridemandato estas blinda, surdmuta, idiota, freneza. Tiuj-ĉi demandoj devis esti respondataj laŭ la stato je la 1a de decembro 1910. Ĉiu estis enlistigata tie, kie li restadis la nokton antaŭ tiu-ĉi tago. Sed, oni miros, ne ĉiuj homoj pasigas tiun nokton en loĝejo. Tre ĝuste tamen ankaŭ ili estas precize kalkulataj, nome tie, kie ili je l'mateno de la 1a de decembro unue vidiĝas. Hoteloj, malsanulejoj, kazernoj, malliberejoj, k. t. p., ĉiuj lokoj, kie estas homoj, ricevas ankaŭ listojn, tiel, ke ĉiu nepre devas esti enskribata en ili, eĉ senhejmaj mizeruloj en la aziloj, ĉar la temperaturo en tiu-ĉi sezono malebligas noktan restadon kaj dormadon eksterdoman. De la sekvanta tago okazas la reenkolektado de la disdonitaj listoj per la samaj denombristoj. Nun komenciĝas ilia vera laboro. Akceptante la listojn de la denombristoj, ili devas tralegi ilin, konvinkiĝi pri la korekto, laŭdemanda respondateco de l'rubrikoj kaj se necese, t. e. laŭsperte en tre multe da kazoj, ĝustigi per personaj demandoj la enskribitajn informojn. Tre ofte, precipe en distriktoj, loĝataj de malmulte instruitaj popolklasoj ili mem skribas la detalojn en la listojn, malebligante tiamaniere malĝustajojn. Poste la denombristo redonas la listojn, aldonante apartan en kiun li skribas la rezultatojn de la izolaj. Sumante tiujn apartajn, podistriktajn listojn oni baldaŭ trovas la nombron de l'loĝantaro de komunumo aŭ urbo aŭ de pli granda regiono. La originalaj listoj estas sendataj al la statistikaj oficejoj kiuj ekzamenas ilin kaj ellaboras statistikojn pri la demanditaj punktoj.

Estas konstatita (ĝis nun, malgrandaj diferencoj estas eblaj) loĝantaro de 64.903.423 homoj, t. e. 32.031.967 viroj kaj 32.871.456 virinoj do virina plimulto de 839.489. Laŭ la denombrado de 1905 tiu plimulto estis 872.000. Por la komparo kun la denombradoj en pli antaŭaj jaroj oni vidu laŭ la suba tabelo:

| Jaro | Loĝantaro | promila pliiĝo en jaro |
|---|---|---|
| 1871 | 41.058.792 | |
| 1875 | 42.727.360 | 10,0 |
| 1880 | 45.234.061 | 11,4 |
| 1885 | 46.855.704 | 7,0 |
| 1890 | 49.428.470 | 10,7 |
| 1895 | 52.279.901 | 11,2 |
| 1900 | 56.367.178 | 15,0 |
| 1905 | 60.641.278 | 14,6 |
| 1910 | 64.896·881 | 14,0 |

En la jaro 1816 Germanujo havis 24.831.396 loĝantojn. Dum la pasintaj 95 jaroj ĝi kreskis do je 40 milionoj da homoj, kiel estas supre videble, la pliiĝo en la lasta kvinjara periodo ne estas tiel granda kiel en la 2 antaŭaj. La opinio pri tio estas diversa. Sendube estas multe da homoj kiuj jam de longe deziris pli malrapidan kreskadon de la loĝantaro ĉar estas fakto ne kontestebla ke la pli kaj pli akra batalado por l'ekzistado premas peze sur la homojn. Kaj se la nombro de la konkurantoj plimalgrandiĝus, certe ankaŭ la kondiĉoj de la vivo fariĝus pli favoraj. Sed la registaroj pensas alie, ili vidas en la homojn unuavice soldatojn...

En venonta artikolo ni ekzamenos kelkajn detalojn de la denombrado, speciale pri tio, kio koncernas la grandajn urbojn.

Voigt (Dresden).

IDEOJ & FAKTOJ

## Rilate al la Monda Petskribo por la paco

Sendube ĉiu entrepreno destinata serioze akceli la solvon de malarmdemando meritas, ke ĝi estu de ĉiu sincera pacideano efike helpata. Sed mi opinias, ke la vojo elektita de sinjorino, Miss Anna B. Eckstein el Boston ne estas ĝusta. Sufiĉe klare tion montras al ni ankaŭ la parlamentparolado de la Germana Imperio kanceliero (de la 30a marto), pri kiu la gazetaro jam detale sciigis. Mi memorigas nur pri sekvantaj liaj vortoj: « Kiu pripensos la demandon de ĝenerala internacia malarmo serioze, kiu pripensos ĉiujn ĝiajn sekvojn, tiu devas veni kiel mi, al la konvinko, ke tiel longe dum homoj estas homoj kaj ŝtatoj ŝtatoj, ĝi estas nesolvebla.

Al sama rezultato li venis pritraktante la demandon pri internaciaj arbitraciaj tribunaloj.

Eble mi ekvekos ĉe kelkaj pacideanoj indignon aŭ rideton de malkonfido, sed mi proponas. ke oni ne elspezu sian energion kaj tempon por entrepreno, kiu nenion promesas: la tasko de ĉiu pacideano ne estas peti la Hagan Konferencon aŭ sian nacian parlamenton aŭ registaron, sed persone agi militante kontraŭ milito.

Ni energie kaj senlace batalu kontraŭ ŝovinismo kaj ĉiu « ismo » kiu alcelas aŭ ebligas militon!

Ni batalu kontraŭ ĉio, kio disigas popolojn!

Ni energie kaj senlace disvastigu ideojn, kiuj ilin kunigas, kaj momento venos, kiam la demando pri malarmado fariĝos solvebla.

D. Jwansky (Esperantiano 2.100)

---

Vidu: « Esperanto » no 98an.

## La telefono en New-York

La urbo New-York estas vera hejmo de la telefono, ĉar oni nenie tiom multe telefonas kiel en tiu ĉi « grandega karavanejo ».

Oni ekscias el la plej novaj sciigoj de la unuiĝo de New-York'aj telefonabonantoj, ke antaŭ 30 jaroj la telefon-adresaro de tiu ĉi urbo nomis 252 personojn ; hodiaŭ tiu ĉi libro konsistas el 800 malvaste presitaj paĝoj.

Antaŭ tridek jaroj la urbo posedis nur unu telefon-oficejon ; hodiaŭ jam ekzistas 85, en kiuj laboras 5.000 telefonoficistinoj. La plej granda el tiuj ĉi telefon-oficejoj posedas pli multe da abonantoj ol Grekujo kaj Bulgarujo kune. La grandega telefonreto de New-York tute ne konas ripoztempon. Oni parolas plej malmulte per telefono inter la 3a kaj 4a horo matene: tiam oni postulas nur 10 kunligojn ĉiuminute. Inter la 5a kaj 6a matene, jam 2.000 New-York'anoj uzas la telefonon. Duonhoron pli malfrue la nombro de l'kunligoj duobliĝas. Inter la 7a kaj 8a matene jam 25.000 personoj malhelpas la matenmanĝon de 25.000 aliaj personoj.

Je la oka horo kaj tridek minutoj, la nombro de ĉiuminutaj kunligoj superas 150.000. La plej granda telefonkomunikado estas inter la 11a kaj 12a horo antaŭtagmeze ; tiam oni postulas *ĉiuminute* pli ol 180.000 kunligojn.

G. Wirenius (Dresden).

GEOGRAFIO

## La landsmaal aŭ Norvega lingvo

La nomo « landsmaal », t. e. nacilingvo, estis donata al la lingvo kiun en Norvegujo oni provas krei konkurence al la « rigsmaal » (oficiala lingvo).

La landsmaal estas artefarita lingvo formita per ĉerpado el la provincaj dialektoj, precipe en la regionoj de Bergen kaj Telemarken ; el tiuj miksotaj elementoj oni forigis ĉiujn vortojn de ne sufiĉe pura norvega origino.

La literatura kaj oficiala lingvo en Norvegujo apenaŭ diferencas de la dana ; la distingo inter ili fariĝas pli per elparolado ol per la vortaro, kaj la norvegaj verkistoj multe partodonis al la gloro de la dana-norvega lingvo. En la kamparo estas parolataj diversaj dialektoj, sed en neniu regiono la popolo reale uzas la landsmaal, kiun naciemaj lingvistoj volus ĝeneraligi kaj pro ia ekskluzivemo provis igi taŭga eĉ por literaturaj celoj. Kelkaj verkistoj kaj poetoj jam ne sensukcese uzis tiun lingvon. *Ivan Aasen*, meze de la XIX-a jarcento, la unua fiksis per siaj prozo kaj versoj ĝiajn karakterizojn ; igante ĝin fleksebla por la literatura stilo, li montriĝis tiel lerta lingvisto, kiel talenta verkisto. Lin sekvis en 1858 la poeto-kamparano *Aasmund Vinje* tuj kiam li ekverkis. Inter 1870 kaj 1880, *Kristofer Janson* elokvente verkis landsmaale laŭ kampara romantikismo. Post li, rimarkinda verkisto el kampula familio, *Arne Garborg*, kiu komence estis instruisto, uzis paralele la literaturan lingvon kaj la nacian, kaj donis vere lirikajn landsmalajn versojn. En la sama artefarita lingvo belajn versojn verkis *Ivar Mortenson*, kaj patriotajn kantojn *Per Sivle*. Tri prozistoj, *Jens Tvedt*, *Vetle Vislie* kaj *Rasmus Loeland* priskribis ankaŭ per landsmaal scenojn el la popola vivado.

Sed la nacia idiomo havas siajn necedemajn kontraŭulojn; inter ili estis Bjoernstjerne Bjoernson. Ambaŭ partioj organizis multajn paroladojn pri la demando. La Universitatanoj ĝenerale malamikas al landsmaal, al kiu ili riproĉas ne plenumi la postulojn de la literaturo kaj ne liveri ĉiujn vortojn necesajn al la progresoj de la civilizado kaj al la bezonoj de la praktika vivado. Tamen S-ro Gjelsvik, jurprofesoro en la Universitato Kristiania faras sian kurson landsmaale.

La disvastiĝo de la landsmaal estas dezirata precipe de la maldekstrumo kaj de la radikaloj. La ministraro Michelsen metis en sian programon la daŭrigadon de la lingva naciigo, kun egalajrajtoj por ambaŭ lingvoj. La 25. de aprilo 1907 la parlamento akceptis la principon trudi la instruadon de tiu lingvo, kaj ĝin enkondukis en la programon de la ekzameno por regnaj oficistoj.

S-ro Lœvland, ministro de la eksterlandaj aferoj, kiu venis en oktobro 1907 post Michelsen kaj eksiĝis en januaro 1908 estas partiano de la landsmaal.

G. Regelsperger

El « Larousse mensuel », trad. E. B.

NOTOJ

*Marto-julio.* — Ekspozicio de l'itala portretaro en Firenze.

*Marto-oktobro.* — Universalaj ekspozicioj en Torino kaj Romo.

*13 majo-15 julio.* — Internacia ekspozicio de la malgranda ilaro en Antverpeno.

*21 majo.* — Aeroplana veturado Parizo Madrido.

*25 kaj 28 majo.* — Ĉevalkuradoj en Torino.

*27, 29, 30 majo.* — Internaciaj ĉevalkonkursoj en Torino.

*28 majo.* — Aviada konkurso Parizo-Romo.

*Majo.* — Industria ekspozicio kun internacia aeronaŭtika fako, en Peterburgo.

*Majo-junio.* — Internacia ekspozicio de novajoj kaj eltrovajoj pri la fera industrio kaj meĥanikaj konstruajoj en Budapest.

*Majo-junio.* — Higiena Ekspozicio en Dresden.

*Junio.* — Festoj por la reĝkronado en Londono.

*Junio-oktobro.* — Internaciaj flug-konkursoj en Torino.

*1-4 junio.* — Internaciaj ĉevalkonkursoj en Torino..

*1-20 junio.* — Internacia pafkonkurso en Grenoble.

*3-6 junio,* — Internacia ekspozicio de hundoj en Torino.

*4-7 junio.* — Sepa kongreso de la franca pacifista Asocio « Paco per Juro » (Esp-ia entr.), en Clermont-Ferrand (Franc.).

*12-18 junio.* — Sesa feminista kongreso en Stockholm.

*18-30 junio.* — Internacia aviada konkurso Parizo-Liège-Utrecht-Bruselo-Londono-Parizo.

*1 julio.* — Internacia aviada konkurso en Anglujo.

*7-10 julio.* — Internacia kongreso por korpa edukado en Odense (Danujo).

*23 julio-5 aŭgusto.* — Rondflugado tra Anglujo.

*26-29 julio.* — Mondkongreso de rasoj en Londono.

*31 julio-6 aŭgusto.* — Kongreso de la Franca Societo por la progresigo de la Sciencoj en Dijon.

*Aŭgusto.* — En Torino : Internacia konkurso de fajrbrigadoj ; Internacia konkurso de muziko ; Internacia konkurso de praktika telegrafado ; Somera ekspozicio de ĝarden- kaj florkulturo.

*3-5 aŭgusto.* — Internacia kongreso de la turismaj Asocioj en Ĝenevo.

*3-6 aŭgusto.* — Kvina internacia kongreso de Stenografistoj Gabelsberger en Kopenhag.

*10-12 aŭgusto.* — Laborista konferenco en Budapest.

*17-24 oktobro.* — Deknaŭa kongreso de la paco en Romo.

Por pluaj informoj, la Esperantianoj sin turnu al la Delegitoj de U. E. A. Ĉiuj Delegitoj bonvolu informi nin pri la kongresoj, festoj, manifestadoj de internacia intereso, okazontaj en ilia regiono.

## LITERATURA PAĜO

FELIETONO

# La Suferoj de juna Werther

de W. v. GŒTHE

Trad. P. USINGER

Hodiaŭ mi ne povis iri al Ĥanjo ; neevitebl aj societoj malhelpis min, kion fari ? Mi sendis mian serviston al ŝi, sole por havi homon ĉe mi, kiu hodiaŭ estis proksima de ŝi. Kun kia malpacienco mi atendis lin, kun kia ĝojo mi revidis lin ! Mi volonte estus preninta lin je la kapo kaj kisinta, se mi ne estus hontinta.

Oni rakontas pri la *Bonona ŝtono* (1), ke, metite en sunlumo, ĝi sorbas ĝiajn radiojn kaj nokte lumas kelkan tempon. Tiel okazis al mi je la servisto. La sento, ke ŝiaj okuloj rigardis lian vizaĝon, liajn vangojn, liajn vestbutonojn kaj la kolumon de lia supervesto, faris ĉion ĉi al mi sanktega, karega ! Tiu ĉi momente mi ne forlasus la knabon por mil taleroj. Mi estis ĝoja pro lia ĉeesto. — Gardu vin Dio, ke vi ne ridu pri tio. Vilhelmo, ĉu estas fantomoj, ke ni estas ĝojaj ?

La 19-an de julio.

« Mi vidos ŝin ! » Mi ekkrias matene, kiam mi vigligas min kaj rigardas kun ĉiu ĝojego al la bela suno « Mi vidos ŝin ! » Kaj la tutan tagon mi ne havas pluan deziron. Ĉio, ĉio englutiĝas en tiu ĉi espero.

La 20-an de julio.

Via ideo ne ankoraŭ volas fariĝi la mia, ke mi devos iri kun la ambasadoro al... Mi ne tre ŝatas la submetiĝon, kaj ni ĉiuj scias, ke la viro krome estas malgrabla homo. Vi diras, ke mia patrino deziras min vidi en aktiveco ; tio igis min ridi. Ĉu nun mi ne estas ankaŭ aktiva ? Kaj fine ĉu ne estas egale, ĉu mi nombras pizojn aŭ lentojn ? Ĉio en la mondo tamen celas bagatelajon, kaj homo, kiu pro aliaj, kvankam ne estas lia propra pasio, lia propra bezono, tamen laciĝas per laborado pri mono aŭ honoro aŭ io alia, ĉiam estas malsaĝulo.

La 24-an de junio.

Ĉar por vi estas tiel grave, ke mi ne malzorgas pri mia desegnado, mi pli volonte lasus la tutan aferon ol ke mi dirus al vi, ke ĝis nun mi faris nur malmulton.

Neniam mi estis pli feliĉa, neniam mia sento pri la naturo ĝis la ŝtoneto kaj la herbeto pli plena kaj pli kompleta ; kaj tamen — mi ne scias kiel esprimi ĝin ; mia percepto estas tiel malforta, ĉio naĝas kaj balanciĝas tiel antaŭ mia animo, ke mi ne povas kapti la konturon ; sed mi imagas, ke mi formus ion, se mi havus argilon aŭ vakson. Efektive mi prenos argilon, se daŭros pli longtempe, kaj knedos ĝin, eĉ se ĝi fariĝus kukformoj.

Tri fojojn mi komencis la portreton de Ĥanjo kaj tri fojojn mi malsukcesis, kio des pli ĉagrenas min, tial ke antaŭ kelka tempo mi estis tre feliĉa atingi similecon. Mi do faris ŝian silueton, kaj ĝi sufiĉu al mi.

La 25-an de julio.

Jes, kara Ĥanjo, mi ĉion prizorgos kaj diros ; donu nur al mi pli da komisioj, kaj tre ofte. Pri unu afero mi petas vin : neniun sablon sur la kartetoj, kiujn vi skribas al mi. Hodiaŭ mi ekkisis ĝin kaj miaj dentoj kraketis.

(1) Barito, kies econ malkovris la ŝuisto Casciorolus el Bologna, pro tio nomita Bonona aŭ Bologna ŝtono. Rim. de la trad.

La 26-an de julio.

Mi jam ofte intencis viziti ŝin ne tiel ofte. Ja, kiu povus ĝin suferi ! Ĉiun tagon mi cedas al la tento kaj fikse promesas al mi : morgaŭ vi restos for ; kaj kiam la mateno venas, mi tamen trovas iun nekontraŭstareblan kaŭzon, kaj antaŭ ol rimarki ĝin, mi estas ĉe ŝi. Aŭ ŝi diris vespere : « Vi do venos morgaŭ ? ». Kiu povus resti for ? Aŭ ŝi donas al mi komision, kaj mi trovas konvena alporti mem la respondon ; aŭ la tago estas belega, mi iras al Wahlheim, kaj kiam mi estas tie, estas nur duonhora vojo al ŝi ! Mi estas tro proksima de ŝia atmosfero ! — Puŝon ! tuj mi estas ĉe ŝi. Mia avino havis fabelon de la magneta monto : la ŝipoj, kiuj veturis tro proksime, per unu fojo estis senigataj de ĉiu ferajo, la najloj alflugis al la monto, kaj la mizeraj malfeliĉuloj pereis inter la disfalintaj tabuloj.

La 30-an de julio.

Alberto alvenis, kaj mi iros ; kaj eĉ se li estus la plej bona, plej nobla homo, al kiu mi estus inklina submetiĝi ĉiurilate, estus nesufereble vidi lin posedanta tiom da perfektajoj. — Posedo ! — Sufiĉe, Vilhelmo, la fianĉo ĉeestas ! Brava, bona homo, al kiu oni devas esti favora. Feliĉe mi ne apudestis la akcepton ! Tio disŝirus mian koron. Ankaŭ li estas tiel honesta, ke li eĉ unu fojon ne kisis Ĥanjon en mia apudesto. Dio rekompencu lin pro tio ! Pro la respekto, kiun li havas al la knabino, mi devas lin ami. Li estas favora al mi, kaj mi konjektas, ke tio estas pli la farajo de Ĥanjo ol de lia propra sento ; ĉar je tio la virinoj estas spertaj kaj pravaj : se ili povas fari, ke du adorantoj bone interkonsentu, la utilo ĉiam estas ilia, kvankam ĝi tre malofte okazas.

Tamen mi ne povas rifuzi mian estimon al Alberto. Lia kvieta eksterajo tre kontrastas la malkvietecon de mia karaktero, kiu ne estas kaŝebla. Li estas sentoplena kaj bone scias, kion li havas je Ĥanjo. Li malofte ŝajnas malbonhumora, kaj vi scias, ke tio estas la peko, kiun mi pli malamas ĉe la homo ol ĉion alian.

Li konsideras min homo sprita ; kaj mia sindonemo al Ĥanjo, mia ĝojego, kiun mi havas en ĉiuj ŝiaj agoj, plimultigas lian triumfon, kaj li amas ŝin des pli multe. Ĉu li kelkafoje ne turmentas ŝin per ĵaluzeto, mi ne decidas. Mi almenaŭ en lia situacio ne estus tute libera de tiu ĉi diablo.

Kio ajn estas, mia ĝojo esti ĉe Ĥanjo estas for. Ĉu mi nomos ĝin malsaĝeco aŭ blindeco ? — Kion utilas nomo ! La afero mem rakontas ! — Mi sciis ĉion, kion nun, antaŭ ol Alberto venis ; mi sciis ke mi ne povas pretendi ŝin, ankaŭ ne pretendis — tio estas laŭ tio se estas eble ne avidi kun tiom da afableco — kaj nun la stultulo miras, kiam la alia venas kaj forprenas de li la knabinon.

Mi reteniĝas kaj mokas pri mia mizero, kaj mokas duoble kaj trioble pri tiuj, kiuj povus diri, ke mi devos rezigni, tial ke ĝi ne estas aliigebla. — Forigu de mi tiajn babilantojn ! — Mi kuras en la arbaroj, kaj kiam mi venas al Ĥanjo, kaj Alberto sidas apud ŝi en la ĝardena laŭbo, mi estas petole burleska kaj faras multe da ŝercajo kaj malsaĝajo. — « Pro Dio ! Ĥanjo hodiaŭ diris al mi, mi petas vin : ne tian scenon, kia hieraŭ vespere ! « Vi estas terura, kiam vi estas tiel ĝoja ».

— Inter ni, mi atendas la tempon, kiam li estas okupita — tuj mi estas tie, kaj ĉiam mi estas kontenta, kiam mi trovas ŝin sola.

La 8-an de Aŭgusto.

Mi petas vin, kara Vilhelmo, ĝi certe ne celis vin, ke mi riproĉe nomis la homojn netolereblaj, kiuj postulas de mi rezignon je neevitebla sorto. Mi fakte ne pensis, ke vi havus similan opinion. Vere vi estas prava. Nur unu parolon, karulo ! En la mondo tre malofte sufiĉas la « aŭ-aŭ ! » La

sentoj kaj agmanieroj nuanciĝas tiom diverse, kiom da pecoj estas inter akcipitra kaj stumpa nazoj.

Do vi ne koleriĝos kontraŭ mi, se mi ĵesas al vi la tutan argumenton kaj tamen provas ŝteliri for inter la « aŭ-aŭ! »

Aŭ, vi diras, vi havas esperon al Ĥanjo, aŭ ne. Bone! en la unua okazo provu ĝin realigi, provu ĉirkaŭpreni la plenumon de viaj deziroj; aliokaze kuraĝiĝu kaj provu liberiĝi de mizera sentado, kiu nepre konsumos ĉiujn viajn fortojn. — Plej bona amiko! ĝi estas facile dirita, kaj — baldaŭ dirita.

Kaj ĉu vi povas postuli de la malfeliĉulo, kies vivo pro nehaltigebla malsano iom post iom mortas, ĉu vi povas postuli de li, ke li finu per unu fojo la turmenton per ponardfrapo? Kaj ĉu la malbono, kiu konsumas ĉiujn liajn fortojn, ne samtempe ankaŭ forrabas de li la kuraĝon liberiĝi de ĝi?

Certe vi povus respondi al mi per simila alegorio: kiu ne lasus pli volonte amputi la brakon, ol ke li riskus sian vivon per hezitado kaj timado? — Mi ne scias! — kaj ni ne tedu nin reciproke per alegorioj. Sufiĉe — ja, Vilhelmo, mi kelkafoje havas momenton de suprensaltanta, forskuanta kuraĝo, kaj tiam — mi irus, nur se mi scius kien.

Vespere.

Mia taglibro, pri kiu mi malzorgis de kelka tempo, hodiaŭ enmaniĝis al mi kaj mi miras, ke mi tiel konscie en ĉion ĉi eniris paŝo post paŝo! ke mi ĉiam tiel klare vidis pri mia stato kaj tamen agis kiel infano; nun ankoraŭ vidas tiel klare kaj pliboniĝo ankoraŭ ne montras sin.

La 10-an de aŭgusto.

Mi povus vivi plej bone, plej feliĉe, se mi ne estus malsaĝulo. Tiaj belaj cirkonstancoj ne facile kuniĝas por gajigi homan horon, kiaj estas tiuj, en kiuj mi nun troviĝas. Ho, estas certege, ke nia koro sola faras sian feliĉon. — Esti membro de la aminda familio, amata de la maljunulo kiel filo; de la malgranduloj kiel patro, kaj de Ĥanjo! — Plue la honesta Alberto, kiu per neniu kaprica malĝentilajo malhelpas mian feliĉon; kiu ĉirkaŭprenas min per kora amikeco; al kiu mi estas plej kara krom Ĥanjo! Vilhelmo, estas ĝojige nin aŭdi, kiam ni interparolas promenante pri Ĥanjo: nenio pli ridinda troviĝas en la mondo ol tiu interrilato, kaj tamen pri tio ofte la larmoj envenas miajn okulojn.

Kiam li rakontas al mi pri ŝia honesta patrino, kiel sur la mortlito ŝi transdonis domon kaj infanojn siajn al Ĥanjo kaj rekomendis al li Ĥanjon, kiel de tiam tute alia spirito regas Ĥanjon, kiel, zorgante pri mastrumado kaj serioze ŝi fariĝis vera patrino, kiel neniu momento de ŝia tempo pasis sen agema amo kaj tamen neniam forlasis ŝin ŝia vigleco, ŝia facila animo! — Mi iras flanke de li kaj deŝiras florojn, tre diligente formas bukedon kaj — ĵetas ilin en la preterfluantan riveregon kaj postrigardas ilin, kiel ili senbrue fornaĝetas.

*(Daŭrigota)*

# TRA
## LA
# ESPERANTA LITERATURO

Wilhelm Hauff. — **La Karavano**, el germana lingvo tradukis J. W. Eggleton. Londono, British Esper. Asocio. Prezo: Sm., 0,50.

En *The Bristish Esperantist* jam aperis, sub la titolo *Fabeloj*, la amuzaj rakontoj, el kiuj konsistas tiu libreto, la Karavano, de Wilhelm Hauff (1802-1827).

La esperantistoj legos kun plej granda ĝuo tiun verkon ĉu pro la arto de la rakontisto, ĉu pro la bonega stilo de la tradukinto. En mallonga antaŭparolo skribas (tro modeste), S-ro Eggleton: « Por montri la absolutan sufiĉecon, ja la mirindajn kapablojn de la sola Lingvo Internacia, mi entreprenis tiun ĉi tradukon de ses el la Hauff'aj fabeloj. Neniel mi miros nek malĝojos, se la lingva stilo de tiu ĉi libreto ne plaĉos: sed mia laboro ne estos vana, se bonvolaj kritikantoj konsentos pri ĝia fideleco al la fundamento de la amata lingvo, kaj se germanaj amikoj ĝin juĝos sufiĉe fidela al la originalo. »

Pri la fideleco al la originalo mi scias nenion; sed m povas atesti la fidelecon al la fundamento, kaj la legontoj konsentos, ke la stilo estas ne nur « klasika », sed ankaŭ klara, flua kaj bonsona.

* * *

P. Mérimée. — **Karmen**, el la franca lingvo tradukis Sam Meyer. Paris. Hachette et Cie. Prezo: Sm., 0,50.

Kelkaj eminentaj esperantistoj ne eldonas gramatikojn nek vortarojn; ili ne naskas novajn pli malpli renversemajn teoriojn. Ili simple kaj modeste proponas al la esperantistaro bonajn verkojn, aŭ tradukajn aŭ originalajn, kaj konstante pliriĉigas nian literaturon. Tiel ili plenumas laboron plej utilan por la vivo kaj unueco de nia lingvo, liverante fidindajn modelojn kaj gravan porlegan materialon.

Unu el la plej meritplenaj eldonantoj de tiaj verkoj estas nia malnova samideano S. Meyer, la famkonata tradukinto de Avarulo, Vojaĝo interne de mia ĉambro, Barbiro de Sevilla, k. t. p.

El Prosper Mérinée. li jus tradukis *Karmen*. Tiu verko ne estas unu el la plej valoraj de la fama franca verkisto. La ĉefaj personoj de l'rakonto estas malsimpatiaj; la intrigo estas eble iom vulgara kaj ne inda je la aŭtoro de *Kolomba*. Tamen tiu rakonto enhavas kuriozajn detalojn pri la idiomo, karakteroj, moroj, superstiĉoj de la ciganoj, kaj oni plezure legos la viglan novelon, kiu inspiris la gloran muzikiston Bizet.

Jen ankaŭ tute rekomendinda libro por la esperantistaj bibliotekoj.

* * *

Carmen Sylva. — **Sufero**, eldonigis D-ro Siegfried Lederer. Eldonejo: Heckners Verlag, Wolfenbutel (Germanujo). Prezo: Sm., 0,40.

La reĝino de Rumanujo (Carmen Sylva), kiu sin montris en multaj cirkonstancoj plene favora al Esperanto, permesis, per la iniciato de D-ro G. Robin, en Bucuresti, ke D-ro Lederer esperantigu ŝian poezian rakonton: *Sufero*. D-ro Lederer dissendis sian esperantan tradukon, sen la orignala germana teksto, al esperantistoj el dekok malsamaj landoj, kiuj tradukis la tradukon en sian nacian lingvon. Ses el tiuj tradukoj estas unuigitaj en la supre nomita libro. Kredeble la dekdu ceteraj baldaŭ aperos.

La anglan tradukon faris S-ino Margaret L. Blaise, en London; la francan, D-ro René Artigues, en Parizo; la hispanan, S-ro Vicente Inglada, en Toledo; la italan D-ro Alfredo Stromboli, en Genova; la polan D-ro Bronislav Naleez-Skalkowki, en Lwowie; la rumanan, D-ro G. Robin, en Bucuresti.

Prof. D-ro Siegfried Lederer « deziras, ke tia eminenta ekzemplo pruvu nerefuteble al la kleruloj de ĉiuj nacioj la malegoistan bonegan uzeblecon de nia genia helplingvo, tiel facile lernebla kaj lerninda interese de la tutmonda senpera interkomunikiĝo. ».

La libreto tre agrable « elrigardas ». La personoj, kiuj sufiĉe konas kelkajn lingvojn, povos fari interesplenajn komparojn. Se mi aldiras, ke la mona profito de tiu ĉi libro estos donata al humanega institucio: al la blindulejo « Vatra Luminoaŝa », grandega fondajo de la rumana reĝino, jen pli ol unu motivo, por ke multaj esperantistoj tuj mendu propagandilon.

VERTO.

# ESPERANTISMO

## KRONIKO

*(El niaj specialaj distriktaj korespondantoj)*

GRAVA AVIZO. — *Ni rememorigas al niaj korespondantoj ke ĉiujn informojn por la rubriko Esperantismo, ili bonvolu sendi antaŭ la* **10a** *kaj* **25a** *de ĉiu monato al ESPERANTO, Rue de la Bourse, 10, GENÈVE. por la sekvonta numero. Ili memoru ĉiam zorge montri la daton de ĉiu fakto kaj la devenon de ĉiu informo. Neniam ni raportos pri malnova okazintaĵo.*

---

**Distriktaj kunvenoj de U. E. A.** *Sud-Orienta Francujo.* Jen la ĉefaj deziresprimoj alprenitaj de la distrikta kunveno de U. E. A. por Sud-Orienta Francujo en Lyon :

Ke ĉiuj Del. klopodu por trovi Del. en la lokoj kie U. E. A. ne estas ankoraŭ reprezentata ;

Ke oni eldonigu Esp-ian distriktan afiŝon, konforme al la ekzistanta modelo ;

Ke U. E. A. eldonu taŭgan koverton por faciligi la bindadon de la gvidfolioj ;

Ke oni sendu al la hoteloj la gvidfoliojn de sama distrikto aŭ sama lando.

La raporto de la Distr. Del. estas aprobita. Laŭ ĝi estas en la distrikto 26 Del., 4 Subdel., 6 Vicdel., 7 Esp-Of. La distriktan kunvenon sekvis neoficiala ĝenerala kunveno de ĉiuj Esp-ianoj ĉeestantaj ĉe la kongresoj en Lyon, sub la prezido de S-ro Th. Rousseau, Vicprez. U. E. A.

*Orienta Germanujo.* — Kunveno en Dancig la 30 aprilo. Prezidis D-ro Kandt, Dist. Del. Oni esprimis la deziron, ke Gœrlitz baldaŭ havu Del. ; ke estu tradukataj esperanten la gvidlibroj de Zopot kaj Danzig. D-ro Kandt estas reelektita D. D. kaj S-ino A. Tuŝinska D. V-del. — M. K. J. C.

**Novaj Grupoj kaj Societoj.** — En *Düsseldorf* (Germ.) 2a grupo (65 membr.), apartenas al la socialista laboristaro.

*Bohemujo.* — En Olomuc, Semily, Litomerice, Nymburk, Rakovnik ; en Praha : laborista grupo. — J. M.

*Anglujo.* — En Wandsworth, Harwick, Oxford. — M. G.

*Germanujo.* — En Bartenheim i. Elz., Berlin (laborista, 52 m.) Kassel (laborista), Kœnigshütte, Dresden (laborista).

*Francujo.* — En St-Rémy de Provence kaj Sorgues. — F.E.

*Aŭstrio.* — En Wien kaj Ĉastolovice. — M. G.

**Novaj kursoj.** — En *Cornigliano* (Ital.). — M. G.

En *Hago* (Nederlando). — M. G.

En *Bytouchov* (Bohemujo). — M. G.

En *Wien* kaj *Teichstatt* (Aŭstrio). — M. G.

*Germanujo.* — En Augsburg (4 elementaj, 3 superaj), Berlin, Chemnitz, Colmar, Dresden, Düsseldorf, Gleiwitz, Gœrlitz, Kassel, Magdeburg, Mülhausen, München. Nowawes, Nürnberg (2 elementaj, 2 superaj) Reichenau i. Sa. (Supera), Zittau. — G. E.

*Bohemujo.* — En Litomerice, Semily, Kutna Hora, Pisek, Zabreh, Pardubice, Ĉaslav. — J. M.

*Anglujo.* — En Burnley, Newcastle-on-Tyne, Norwich. — B. E.

*Francujo.* — En Pré-St-Gervais; Parizo (proksimume 65). F. E.

**Kunvenoj kaj Festoj.** — *Stratford-on-Avon* (Angl.) : Pli ol 30 esp-istoj el Bradford, Birmingam, Cheltenham, Coventry, Hastings, Leamington, Newcastle, Northampton kaj Old Hill ĉeestis la feston je la honoro de Shakespeare, kiu okazis tie ĉi la 17 aprilo ; plue estis du Norvegaj kaj unu hispana Samideanoj. — F. W. H.

.˙. La Grupo en *Lausanne* (Svis.) informas la vizitontojn, ke ĝi somere kunvenos nur la lastan vendredon de ĉiu monato. Okazos esperantistaj ekskursoj ; per informoj : S-ro Ch. Balsiger, Del. Vevey. — A. J.

.˙. En *Sedan* (Franc.). — 2 aprilo ĝenerala kunveno de la Grupo ; S-ro Servais estas elektata sekretario. La grupo intencas abonigi la kafejojn al esp. jurnaloj. La Prezidanto estas S-ro Charpentier, urbestro de Sedan. — S.

.˙. En *Limoges* (Franc.) — 8 aprilo, bela festo kun koncerto. S-ro Evrot parolad.s pri Esperantismo. — F. E.

.˙. En *Edinburgo* (Skotl.). — 12 aprilo, jara kunveno de la Edinburgh Esperanto Society. S-ro Warden eksiĝas el la prezidanteco ; lin anstataŭos S-ro A. Wilson. Oni decidis sendi 6 rajtigitajn reprezentantojn al Antverpeno.

**Paroladoj.** — En *Sidi-bel-Abbès* (Alĝerio). — 7 majo, Prof. Thomas pri la disvastiĝo de Esperanto.

.˙. En *Torino* (Ital.). — Okazis dum la ekspozicio kongreso de la Inĝenieraj lernantoj. La vic-prezidanto, Prof. D. M. Antonoviĉ el Belgrado parolis la 5 majo pri la utileco de Esperanto por la scienculoj. Li atingis grandan sukceson ; la *Asocio Galileo Ferraris*, iniciatinta la kunvenon esprimis sian simpation al nia lingvo kaj promesis ĝin subteni. M. de B.

.˙. S-ro Parrish el Los Angeles (Usono) faris esp. paroladon pri Kalifornio la 5 majo en *Le Havre* kaj la 7 en *Rouen* (Franc.)

.˙. *Mülhausen i. Els.* (Grm.). — Parolis S-ro Baumann pri « Esperanto kaj niaj kontraŭuloj ». — G. E.

## OKAZONTAĴOJ

### Programoj kaj informoj.

.˙. La *dua Itala Esperanto-kongreso* okazos en Ĝenovo 25-28 majo.

Programo :

*25 majo.* — 4a vesp. : malferma kunveno ; 9a vesp. : propaganda parolado.

*26 majo.* — 10-a matene : kunsido ; 3-a vesp. : vizito de la urbo ; 9-a vesp. : festo ĉe la Teatro.

*27 majo.* — 10-a matene : lasta kunsido ; 3-a vesp. : kunveno de la Itala Federacio ; 9-a vesp. : kunveno.

*28 majo.* — Veturado al Portofino Vetta kaj festeno.

*Distrikta kunveno de U. E. A. por Nordokcid. Italujo* okazos en Genova dum la kongreso. Tagordo : Raporto pri Esp-ia movado ; 2 Pri la plej bona maniero diskonigi U. E. A. kaj elekti novajn Del. en la distrikto ; 3, kiel interesi la komercistojn kaj turismajn societojn al U. E. A.

Pri informoj : D-ro A. Stromboli, Via Assaroti 53-15, Genova.

.˙. La dua kongreso de la Sudokcidenta Federacio okazos en *Limoges* (Franc.) 3-5 junio. Programo : *3 junio*, Parolado de S-ro Cart ; koncerto. — *4 junio* : Esp-ia kunveno ; federaciana kunveno ; festeno sub la prezido de l'Urbestro ; balo. — *5 junio* : Ekskurso ; ferma kunveno. — Koran inviton al ĉiuj.

.˙. En *Zuriĥo* okazos la 3-4 junio la *Distrikta kunveno de la Svisaj Esperantianoj*. Programo ; 3 junio, vesp. Publika kunveno en Kazino Unterstr. Paroladoj de S-ro J. Schmid, H. Hodler, Th. Rousseau. Festo — 4 Junio, 10-h. Labora kunveno (situacio de U. E. A. en Svisujo ; servoj de U. E. A. dum 1910 ; Esperantiaj distriktaj afiŝoj ; gvidfolioj kaj gvidlibroj ; Esperantiaj hoteloj kaj kolonioj ; U. E. A. kaj Komerco ; la Kongresoj en Antverpeno. — 12-h Komuna festeno — 3-h Ekskurso sur la monton. La fremduloj estas kore invitataj. Sendi aliĝojn al S-ro K. Jost, 57, Culmannstr. Zürich.

Je tiu okazo, la D. Del. por Burgonjo, S-ro Rousseau (Bd Sévigné 3, *Dijon*) organizas 3-tagan ekskurson al Bern, Zurich kaj Luzern. Prezo : ĉirkaŭe 20 Sm. Sin turni *tuj* al li.

.˙. La *Sesa Germana Esperanto-kongreso* okazos en Lübeck la 4-7 junio. Organiza komitado : Prez. D-ro A. Mœbusz ; (Falkenstr. 12) ; kasisto L. Langenheim ; sekr. H. Bœbs. La urbestro akceptis la Honoran Prezidantecon.

Programo :

*3 junio.* — Antaŭkongreso en *Hamburg* ; ekzamenoj de G. E. A. vespere : salutfesteto al la gastoj.

*4 junio.* — Promeno tra la urbo (zoologia ĝardeno Hagenbeck) ; vizito en oceana vaporŝipo ; propag. parolado por la tiama kongreso de Bontemplanoj. Vespere : komuna veturo *al Lübeck.*

*5 junio.* — Solena malfermo. Fakaj kunsidoj (Germana Federacio de junaj Esp.-istoj ; Germana Instruista Esperanto-Unuiĝo ; Vegetaranoj, k. a.). Vizito de la vidindaĵoj. Pstlg : festeno en la ŝipista domo.

*6 junio.* — Laborkunsidoj ; diskuto pri « Esperanto kaj la lernejo ». Orgena koncerto en la preĝejo St-Marien. Teatra prezentado.

*7 junio.* — Laborkunsidoj (Asociaj Aferoj). Vaporŝipa veturo al Travemünde. Promenado laŭlonge de la marbordo. Balo en la festdomo.

Postkongreso :

*8 junio.* — Vojaĝo al Kiel ; vizito en militŝipo. Reveturo tra la « Holstajna Svisujo » al Eutin.

*9 junio.* — Ekskurso al Ratzeburg kaj Mœlln.

*Diversaĵoj.* — Kongresana karto, 2 Sm. ; helpkongresana karto, 1 Sm. ; artaj sigelmarkoj : po 100 Sm. 0,400 ; oficialaj poŝtkartoj, po 100 Sm. 1,500 ; ĉio havebla de la Prezidanto (adreso supre). Ĉiu partoprenonto ricevos multnombrajn kongresdonacojn. Al ĉiu kongresano, kiu montros sian rajtigan karton, la « Angfartigs Aktiebolaget Transito » en *Abo* rabatos 50 0/0, kaj la « Stockholms Rederaktiebolag Svea » 33 1/3 0/0 de la ordinaraj prezoj.

.˙. Dum la Federacia kongreso, okazos en *Le Mans* (Franc.) *distrikta kunveno* de U. E. A. por la distrikto Centrokcidenta Francujo. Tagordo : Baloto de definitiva Distr. Del. ; Servoj dum 1910-1911 ; situacio de U. E. A. (raportoj de la Del.) ; 2a Kongreso de U. E. A. ; gvidfolioj ; propagandaj afiŝoj ; distrikta kaso ; diversaj proponoj. Ĉiuj Esp.-ianoj de la distrikto estas kore invitataj.

.˙. La *Ardenaj Grupoj* organizos festojn en *Charleville* (Franc.) la 30 julio. Karto (de nun mendebla) ; 0,400 Sm. Por informoj : Delegito G. Ramboux, 40 R. Baron Quinart, Charleville.

.˙. La Organiza komitato de la *Dua Esperantista katolika kongreso* (Hago, Nederlando 14-19 aŭgusto) deziras, ke oni plej baldaŭ aĉetu la kongresaĵojn. Kongreskarto : 2,10 Sm. ; Helpkongreskarto : 1,05 Sm. ; afiŝo 0,45 Sm. kongresmarkoj po 100 Sm. 0,45. Sendu la mandatojn al : S-ro Whitney, 251 Weimarstraat, St-Gravenhag (Nederlando).

**Esperantista Kalendaro.**

*20-21 majo.* — Kvara Kongreso de la Burgonja Federacio en Chalon-sur-Saône.

*21 majo.* — Kongreso de la Federacio de la Pariza regiono kunveno de U. E. A. en Saint-Denis.

*25-28 majo.* — Dua Itala Esperanto-Kongreso en Ĝenova ; distrikta kunveno de U. E. A.

*2-5 junio.* — Kvara Brita Esperanto-Kongreso en Southport.

*3-4 junio.* — Distrikta kunveno de la Svisaj Esperantianoj en Zuriho.

*3-5 junio.* — Esperantistaj datrevenaj festoj en Brno-Brünn.

*3-5 junio.* — 2-a kongreso de la Sudokcidenta Franca Federacio en Limoges.

*4-7 junio.* — Sesa Germana Esperanto-Kongreso en Lübeck.

*4-5 junio.* — Tria Belga kongreso en Charleroi

*4-5 junio.* — Kunveno de Svisaj Esp-ianoj en Zürich.

*4-5 junio.* — Kongreso de la Centr-Okcidenta Federacio en Le Mans ; distrikta kunveno de U. E. A.

*16-17 junio.* — Skotlanda Esperanto-Kongreso en Dundee.

*24-25 junio.* — Dua kataluna Esp.-Kongreso en Tarragona.

*Julio.* — Kongreso de la Nord-Amerika Esperanto-Asocio en Portland (Oregon, Usono).

*2 julio.* — Kongreso de la Esp. Normanda Federacio en Rouen.

*30 julio.* — Festo de la Ardenaj grupoj en Charleville (Franc.).

*14-19 aŭgusto.* — Dua internacia kongreso de la katolikaj Esperantistoj en Hago (Holando).

*16-18 aŭgusto.* — Esperanto-tago en Dresdeno.

*18 aŭgusto.* — Kunveno de la Esp. Stenografistoj Gabelsberger en Dresden.

*20-27 aŭgusto.* — 7a Universala Esperanto-Kongreso en Antverpeno.

*26-30 aŭgusto.* — Dua kongreso de U. E. A. en Antverpeno.

## DIVERSAĴOJ

.˙. *Gvidlibroj.* — Ĵus aperis bela gvidlibro tra *Bad-Reichenhall*, redaktita de nia tiea fervora Del., S-ro Mayerhauser. Tiu eldonaĵo, presata laŭ la Monoa formato, kaj eldonata de la Esp. grupo sub la aŭspicioj de U. E. A. estas riĉe ilustrita kaj enhavas kompletajn informojn pri tiu fama Bavara kuracloko. Ni varme rekomendas ĝin al ĉiuj Espianoj. (Ricevebla de F. Mayerhauser, Gradirhausstr. Bad-Reichenhall).

La Iniciata Sindikato de Anjou (Francujo) ĵus publikigis Esperantan ilustritan gvidfolion *Tra la lando Anjou.* Krom tio la bela kompleta gvidlibro pri Anjou enhavas Esperantan resumon. Imitindaj ekzemploj !

.˙. *Gvidfolioj.* — En la momento de la alproksimiĝo de l'libertempo, plimultiĝas la gvidfolioj. En la lasta tempo, aperis la gvidfolioj de *Calais, Berlino* (4 folioj), *Lyon* (3 folioj), *Dijon* (3 folioj kun plano). Aliaj estas en preparo. Ni rememorigas, ke ni vendas kompletan kolekton de gvidfolioj po 50 sd. afranke. Ĝi estas necesa al ĉiuj vojaĝantoj kaj propagandistoj.

.˙. *Monoa formato.* — La gvidlibro de Bad-Reichenhall aperis en tiu formato. La Esp librеldonejo Ader en Dresden ĵus akceptis tiun formaton, laŭ kiu baldaŭ estos presataj du libroj. La Esp. Saksa Ligo ankaŭ eldonas sian novan regularon en Monoa formato. Imitindaj ekzemploj !

.˙. *Aviado kaj Esperanto.* — La grava franca gazeto *L'Aero*, dediĉata al aviado, presas ĉiusemajne artikolojn Esperante, kondiĉe ke ĝi ricevu sufiĉan materialon. Ĉiuj do, por la intereso de nia afero, estas petataj kunlabori sendante mallongajn artikolojn pri flugoj, eksperimentoj, aviadaj festoj, k. t. p., al la Esp. redaktisto, S-ro R. di Rienzi, 45 Bd des Batignolles, Paris.

.˙. *Inĝenieroj kaj Esperanto.* — La Scienca Asocio Esp. decidis formi diversajn specialistajn sekciojn. Inter ili estos sekcio de inĝenieroj. La inĝenieroj kiuj deziras aliĝi al ĝi sin turnu al S-ro Paillot, 51, rue Gauthier de Chatillon, Lille (Franc.). La sekretario estas S-ro D-ro Stromboli.

.˙. *La konkursoj de la Sepa.* — Sekvo de la listo (Vidu *Esperanto*, no 99).

10. S-ro John P. Nix, Eastbourne. — *Soneto*, temo laŭvola (Premio : 5 Sm.).

11. La Revuo. — *Originala studo pri historio, literaturo aŭ arto.* Maks. 25 presitaj paĝoj de la « Revuo » (1-a premio : 40 Sm.; 2-a premio : 20 Sm.).

12. Fervoro, Esp. grupo, Antwerpen. — *Kvarversaĵo*, temo laŭvola (Premio : 20 Sm.).

13. Ĉekbanko Esperantista. — *La plej taŭga, konciza klarigo de la esencoj de ĉekoj kaj transpagiloj kaj ilia tasko kaj utilo en la komerca pagado.* (Premio : konto malfermita ĉe la « Ĉekbanko » kun kredita saldo 25 Sm.).

14. Juneco, Paris. — *Rakonto, novelo, versaĵo* pri iu ajn temo, verkita de persono, malpli ol 20 jara (Premio : bela arta objekto).

15. F-ino Maria Moreau, Bruxelles. — *Rolo de la virinoj en la esperantista movado, plej taŭgaj rimedoj por enkonduki Esperanton en la internaciajn virinajn instituciojn.* (Premio : 12 Sm.).

.˙. *La Germana Esperanto-Societo*, kiu baldaŭ havos sian kongreson en Lübeck (4-7 junio) kalkulas nun 197 grupojn *5668* membrojn, inter kiuj 1912 en Prusujo, 1775 en Saksujo, 960 en Bavarujo kaj la cetero en la aliaj ŝtatoj.

.˙. *Nova propagandilo* estas elpensita de S-ro Demarcy, Esp-iano en Beauvais kaj prez. de la tiea grupo. Ĝi konsistas el plato havanta kelkajn informojn nacilingve pri Esp. kaj U. E. A. Sube oni elmetas p. kartojn ricevatajn de la membroj el eksterlando kaj rilatantajn al servoj de Esp. La p. kartoj estas ĉiusemajne ŝanĝataj. Ni tre rekomendas tiun procedon al ĉiuj Esp-Oficejoj. La tiea Del. petas, ke oni bonvolu sendi al li ilustr. p. kartojn, sur kiuj estos skribataj

kelkaj linioj pri la servoj de Esp. kaj U. E. A. (ankaŭ bildflanke).

.˙. *Postkongresa vojaĝo.* — Multaj francaj Esp-istoj, kiuj jam vizitis Belgujon, intencus viziti Nederlandon post la Sepa. Por ke oni povu baldaŭ komenci la necesajn klopodojn, ĉiuj personoj intencantaj viziti Nederlandon sin turnu antaŭ la 30 Majo al S-ro Odufre, Raam 308, Gouda, konigante kiom da tagoj ili deziras resti. Al ĉiu skribonto oni sendos belan ŝenpagan ilustritan gvidlibron de Holando.

.˙. *Malĝusta informo.* — Oni informas nin el Peterburgo, ke la informo pri propono ĉe la Rusa Duma por enkonduko de Esp. kiun ni represis en nº 99 laŭ *Petit Parisien*, estas tute malĝusta.

.˙. *Malnovaj Esperantistaĵoj.* — Oni scias kiel jam nun malfacile estas kolekti malnovajn Esperantaĵojn. Laŭ la deziro de la Esp-Societo en Dresdeno, S-ro Ader, Del. de U. E. A., starigas oficejon por la aĉetado kaj vendado de gazetoj, libroj, k. t. p. el la pli fruaj jaroj. La personoj, al kiuj estas eble fordoni ion, kaj tiuj, kiuj serĉas ion por la pliriĉigado de sia biblioteko, sin turnu al Eldonejo Ader, Zahngasse 12, Dresden (resp.-kupono).

.˙. *L'Universala* estas la nomo de nova esper. presejo fondiĝinta en Parizo antaŭ kelkaj semajnoj. Ĉiuj presejanoj parolas nian lingvon ; la laboradon kontrolas Lingva-komitatano. — M. G.

.˙. *Nova presejo* esperantista estas fondita ankaŭ en Magdeburg (Germ.).

.˙. *Telegramon* sendis al nia Majstro kelkaj jurnalistoj partoprenantaj en la ekskurso al Ravenna dum la kongreso de Filozofio. D-ro Zamenhof respondis la 21 aprilo, per danka telegramo, en kiu li esprimis la esperon, ke la itala gazetaro sendos reprezentantojn al nia sepa kongreso, por bone informi la publikon. — A. T.

.˙. *Muzeo de Tolstoj.* — En Peterburgo fondiĝis Muzeo dediĉata al Tolstoj. Ĝi enhavos bibliotekon, legejon, paroladejon, kaj ĉiujn dokumentojn pri Tolstoj. La administranto, S-ro Birjukov, Esp-iano, petas ĉiujn Esp-ianojn, ke ili bonvolu sendi por la Muzeo, se eble 2 ekz. de ĉiuj verkoj, gazetartikoloj, dokumentoj, Esp. aŭ naciaj, pri Tolstoj. Adreso : Tolstojo Muzeo, Vas. Ostr. 1ª linio, d. 24, loĝ. 8, Peterburgo.

## TRA LA GAZETARO

.˙. *Lingvo Internacia.* Sub titolo *Temo por mediti.* (Th. Cart) :

« Pli bone estus havi ŝtonon ĉirkaŭ la kolo kaj ensalti en la akvaron, ol senkuraĝigi per plibonigoj eĉ raciaj, pliriĉigoj tro rapidaj, maltrankviligantaj ŝanĝoj, la amason de la simplaj fidelaj modestaj Esperantistoj, kiuj estas nia vera forto kaj dank'al kiuj solaj vivas nia lingvo. La vivon ne povas doni la tro analizema « inteligentularo ». En ĉia vivo estas io mistera, nescienca, senkonscia, al kiu nia instruiteca fiereco multon ŝuldas kaj devas rilati kun danka, kvazaŭ pieca respekto... »

.˙. *Le Monde Esperantiste* publikigas regule specialan rubrikon pri U. E. A. redaktatan de S-ro Genermont, Del. en Paris. Niajn gratulojn pro tiu imitinda ekzemplo.

.˙. *Franca Esperantisto.* Pri la Kongreso en Lyon (trad.) :

« ...La Kongresaj laboroj, ni esperas, restarigis per la nova statuto, kiu servos kiel bazo de interkonsento, la momente rompitan akordiĝon kaj, sen ia dubo, ĉiuj francaj Esperantistoj kuniĝos en la nova societo, kiu de nun rapide sukcesigos la unuanimecon de iliaj klopodoj ».

.˙. *La Revuo.* Pri la Sepa (C. Bourlet) :

« ...Jam preskaŭ sescent Esperantistoj aĉetis kongreskarton, kaj tio pruvas, ke verŝajne ni estos multenombraj. Ĉe sama epoko, por la kvara aŭ kvina kongresoj, apenaŭ tricent aliĝoj alvenis al la komitato, kaj fine la partoprenantoj estis ĉirkaŭe mil kvincent. Se proporcia kalkulo estus permesita, oni devos konkludi, ke ni estos almenaŭ tri mil en Antverpeno dum Aŭgusto... ».

.˙. *Sud-Afrika Esperantisto* estas la nomo de nova gazeto aperonta de julio, ĝin publikigos la Natala Esp. Societo.

.˙. *International Correspondence Exchange.* Tiu gazeto celas kuraĝigi la internacian korespondadon kaj disvastigi Esp. Jarabono : 1,10 Sm. Sin turni al S-ro G. Borremans, 16, Avenue du Moulin, Forest-lez-Bruxelles (Belg.).

.˙. La Grupo en Charlottenburg (Germ.) eldonas monatan jurnaleton : « *Informa Folieto* ». Jarabono : 0,400 Sm. Gœthestrasse 64.

.˙. La Nordalbinga Esperanto-Ligo (Nord-Okcid. Germ.) eldonas gazeton je 1.400 ekzempleroj. Por kondiĉoj de reklamo, oni sin turnu al S-ro L. Langenheim, 23 Roechstr. Lübeck, Germ.

.˙. La *Corriere del Friuli* (Udine, Ital.) — 8 majo anoncis la Italan kongreson en Genova.

.˙. Favore raportis pri la Franca kongreso la jenaj Lyonaj jurnaloj : *Lyon Républicain*, *Le Nouvelliste*, *La Dépêche*, *Le Progrès*.

.˙. En *Greenville Dailly News* 17 apr. (Greenville, Usono) esp. traduko : La legendo de la paska lilio, de « Bob Namkrapa ». — R. S. S.

.˙. En *El Rebelde* (Carcagente, Hispan.), — 29 apr., nova komitato de la grupo ; kurso anoncata.

.˙. En *Le Petit Hâvre* (Hâvre, Franc.). — 7 majo, favora artikolo pri la lumbilda parolado de S-ro Parrisch ĉe la komerca lernejo. — E. G.

.˙. En la *Gazeta do Povo* (Bahia, Brazil.), traduko de letero el Portugala Samideano B. Martins d'Almeida pri la politika situacio en Portugalujo. Tiu jurnalo ofte enpresas komunikaĵojn de nia Del. D-ro M. Sœndahl. — M. S.

.˙. En *Pro Familia* (Milano, Ital.). — 9 apr., portreto de kaj artikolo pri Samid. G. Meazzini. G. M.

.˙. En *Wernigerœder Zeitung* (Germ.). — 28 apr. pri la rolo de U. E. A. en la Berlina turisma ekspozicio.

.˙. En *die Deutsche Warte* (Berlin, Germ.). — 7 majo : la Esperanta Polico en Dresdeno ; Esp- ĉe la Industria ekspozicio en Krefeld kaj ĉe la turisma ekspozicio en Berlino ; sekvo de la listo de la germanaj grupoj ; reklamoj pri vortaroj kaj gramatikoj ; sume preskaŭ tuta paĝo !

.˙. En *l'Illustrazione popolare* (Milano, Ital.). — 27 apr., tre malafabla kaj malsprita artikolo, kiu akre riproĉas la urbestraron de Ravenna, ke ĝi donigis *esperantan* gvidlibron al la anoj de la Filozofia kongreso. La redaktoro vidas en tio ofendon al... Dante ! !

.˙. En *Gazeta Lubelska* (Lublin Rus.). — 23 apr., pri Esp. kaj U. E. A., de S-ro J. Nowelt.

.˙. En *El Pueblo* (Teziutlan, Meksik.). — 11 febr., pri novaj kursoj kaj grupkomitato. — L. C. M.

.˙. Pri la Distrikta kunveno en Danzig (Germ.) enpresis la raporton de Del-ino Tuŝinska : *Danziger Zeitung* (1. majo), *Danziger neusten Nachrichten* (1. majo), *Danziger Allgemeine Zeitung*. — A. T.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

### OFICIALA INFORMILO

**2ª Kongreso de U. E. A.**

Ni rememorigas, ke ĉiuj proponoj ekzamenotaj de nia 2-a Kongreso devas esti sendataj al ni nepre antaŭ la *25 junio*, kaj, se eble, pli frue tiel ke ni havu la tempon ilin zorge ekzameni antaŭ la Kongreso.

Pri tio oni bonvolu legi § 4, 5, 6, de la Kongresa regularo (paĝ. 22, Of. Jarlibro). Krom proponoj rilatantaj al la agado mem de U. E. A. (komerco, turismo, junuloj kaj studentoj ; laboro, virinoj, maristoj, k. a.), ni ankaŭ plezure ricevus proponojn kaj raportojn pri demandoj koncernantaj la plifaciligon de la internaciaj interrilatoj (kiel la lastan jaron, la

Reformo de l'Kalendaro, la Monoa sistemo, ktp.). Ĉiu raporto devas esti sekvata de projekto de deziresprimo por la voĉdonado.

**Esperantiaj afiŝoj.**

Konforme al la deziresprimo de nia 1-a Kongreso, ni preparis modelon de oficiala afiŝo de U. E. A. farota en ĉiu distrikto. Tiu afiŝo, presata sur bela forta glazurita kartono, enhavas dekstre la liston de la Del. kaj Esp-of. en la distrikto, maldekstre ĝeneralajn facile kompreneblajn informojn pri U. E. A. Tiu afiŝo, pri kies utileco ni ne bezonas insisti, estas elmetota ĉe la magazenoj, kunvenejoj, publikaj lokoj, hoteloj, stacidomoj, ktp. Ĝi ne nur utilos al niaj vojaĝantaj membroj, sed ankaŭ potence helpos por konigi nian Asocion de la publiko.

En ĉiu distrikto la Distr. Del. estis petata klopodi por akiri la necesan nombron de mendoj (minimume 30), kiu permesas al ni eldoni tian afiŝon.

Ĝis nun, ĝi ekzistas en la distriktoj Burgonjo, Parizo kaj Kaŭkazo. En aliaj la demando estas ekzamenata per la rondirantaj kajeroj aŭ en la distriktaj kunvenoj. Ni esperas, ke tiu grava propagandilo, simila al la afiŝoj de la diversaj societoj por la protektado de la junulino, ekzistos en multaj distriktoj.

**Distriktoj.**

Laŭ la peto de la Distr. Del., la distrikto ĝis nun nomata *Nord-Okcidenta Germanujo*, ricevos la nomon *Rejnlando-Vestfalio*.

Tuj kiam ĝi havos sufiĉan nombron de Del., la ŝtato *Virtembergo*, ĝis nun en *Sud-Okcidenta Germanujo*, formos apartan distrikton.

La propono starigi aŭstrian Silezion kiel apartan distrikton estis prokrastata ; tiu teritorio daŭras aparteni al *Galicio*.

En Eŭropo, la jenaj distriktoj *ne ankoraŭ* havas Distr. Del. : *Skotlando, Irlando, Centra Anglujo, Norda Francujo, Orienta Francujo, Centra, Okcidenta* kaj *Suda Italujo, Norda Hispanujo, Finlando, Okcidenta* kaj *Orienta Rusujo, Norvegujo, Danujo.*

Ni plezure ricevos de la Del. loĝantaj en tiuj distriktoj proponojn, laŭ kiuj ni povus elekti provizoran Distr. Del., laŭ § 26 de la Statuto.

*Statistiko.* — Jen la movado de la korespondaĵoj dum la monato aprilo 1911 ;

| Ricevitaj | Forsenditaj | Mandatoj |
|---|---|---|
| 1.043 | 2.093 | 172 |

Tuta sumo 3.308 (sen la Jarlibroj) ; antaŭa monato 3,066.

**Ekspozicioj.**

Por la ekspozicioj en kiuj U. E. A. estos ofte petata partopreni, ni petas ke oni bonvolu sendi al ni minimume 5 ekz. de ĉiu Esperanta prospekto, folio, gvidlibro, katalogo, ktp. aperanta aŭ aperinta. Ni ankaŭ volonte ricevos *fotografaĵojn* de Esperantistaj kunvenoj, Esp-Oficejoj, propagandiloj, ktp. Ĉar tiuj objektoj estos tre ofte elmetataj, ili nerekte faros reklamon por ilia sendinto.

La Direktoro.

---

**Novaj Del., Vicdel., aŭ Subdel.**

Berlin-Rixdorf (Germ.). — Walter Pfaff, Pflugerstr 6 IV. (Subdel.).

Berlin-Schoeneberg (German.). — Paul Reinecke, Culmstr, 32, W. 57 (Subdel.).

Berlin-Weissensee (German.). — A. Dick Esmarchstr, 3, N. 0.55 (Subdel.).

Bourg (Franc., Ain). — Louis Pochon, 4, avenue Alsace-Lorraine (Vicdel).

Charlottenburg (German.). — Willy Winter, Canerstr. 25 (Subdel.).

Cronstadt (Rusujo, Péterburg). — Pierre Koliŝko, Sobornaja ul. d. 6. kv. 12.

Delmenhorst (German., Bremen). — Eduard Gesell, fabrikdirektoro.

Eger (Hungar). — Ludoviko Würth, Széchenyi utca 19 sz.

Kiel (German., Bavar). — Albert Dicks, Knooperweg, 173.

Lukow (Rusa Polujo). — F. Wierzchowski, Stodolna ul.

Manchester (Usono, New Hampshire). — W. H. Huse, Mammoth Rd. 97 (Vicdel).

Oyonnax (Franc., Ain). — Léon Janvier, 16, avenue de la Gare (Subdel.).

Rakoslight (Hungar.). — F-ino Anna Schubert (Vicdel)

Setubal (Portugal). — Antonio Gomes Percira, farmaciisto.

Slavjanskaja stamica (Rusujo, Ekaterinodar). — Andrej Puniko.

**Ŝanĝoj.**

Brisbane : La Del. loĝas nun : Percy Proctor, Wellington Road. — Insterburg : La Del. loĝ. nun : Walter Lukasius, Reformierte Kirchenstr. 11. — Kiŝinev : La Del. estas nun. V. V. Vozdvijenski, 1a vira gimnazio. — Peterburgo : La Del. loĝ. nun : Alexandre Zajcer, Mitbinsky per. d. 5 kv. 55. — La Vicdel. nun estas : Rejngold Lorenson, Gorohovaja ul. 7. — Saint-Gilles : La Subdel. estas nun : Karl Greuling, 54, rue Tontainas. — Tours : La Del. estas nun : Maurice Patin, rue Michelet, 5.

**Lokoj, kie ne plu estas Del.**

Elizavetpol. — Montreux.

**Forstrekoj.**

Post 2 citoj ne respondis la Del. :

Andreasen, Del. de Funchal.

Jose M. Lozano, Del. de Albaracin.

J. Planas, Del. de Barrara del Valles.

F. Lusilla, Del. de Gerona.

E. Altavas, Del. de Aïbar.

P. Kreuzmann, Del. de Altenberg.

G. Peramo, Del. de Almeira.

La supraj Del. estas forstrekataj konforme al la Regularo.

**Novaj Esperantiaj Asocioj.**

Freienstein-Rorbas (Svisujo). — Esp. Grupo.

**Novaj Esperantiaj Entreprenoj.**

Hannover (German.). — Pensiono por junulinoj de S-no H. Hartog, Parkstr, 7.

Leipzig (German). — Esp.-Propaganda Instituto, Kaiser Wilhelmstr, 15.

Ronsdorf b. Barmen (German.). — Heeseler et Wagner, Rubandfabrikejo.

Tabriz (Persujo). — Vartan Darzi Vartanjan « Magazeno Espero » vendas ĉiuspecajn komercaĵojn.

---

# Esperantia Vivo

**Mortoj.** — Ni kun granda bedaŭro ekscíis pri la morto de la patro de l'Vicdirektoro de U. E. A., S-ro Ed. Stettler, post longa suferado. Ni sendas al nia sindonema kunlaboranto la esprimon de nia profunda simpatio, okaze de la grava malfeliĉo, kiu lin atingas.

. . . En Birmingham (Anglujo) mortis la 13 aprilo fervora propagandisto, Esp-iano W. C. Amery ; la malapero de tiu sindona batalanto estas grava perdo por la tiea Societo.

---

**Vojaĝo per U. E. A.**

La 22 kaj 23 aprilo, kvar polaj Studentoj loĝantaj en Antverpeno ekskursis tra Rotterdam, Hang, Scheveningen, Amsterdam kaj Zaardam. Ili kore dankas S-rojn Vermaas (Rotterdam), Pothast (Haag) kaj Nutters (Amsterdam) kiuj al ili tre helpis.

La raportinto : K. Rybczynski.

# Esperantia Parolejo

### Grava Alvoko

En Munĥeno ĵus fondiĝas granda internacia asocio por la *Orgànizado de la spirita laboro*, sub la nomo « La Ponto ». Komence de majo eldoniĝos libro de ĉirkaŭ 200 paĝoj en germana lingvo, kiu enhavas la necesajn klarigojn kaj bazojn pri tiu organizaĵo. La libro estos tradukata en 12 kulturlingvojn, sed, ĉefa afero, tiu grava tradukado ne fariĝas senpere el la germana originalo. sed *per Esperanto*. Oni do, unue, tradukos la tutan libron Esperanten, kaj poste oni ŝarigos la naciajn tradukaĵojn el tiu internacia kaj unueca teksto. La tuta laboro estos-gvidata de l'subskribinto tiamaniere, ke li tradukigas la originalan tekston en Esperanton per plej kompetentaj Esperantistoj, kiuj bone scias germanan lingvon. Ĉiu tradukisto prilaboras unu ĉapitron, kaj la tuta manuskripto estos reviziata de komisiono. Poste oni agos same, en nacia kampo, pri la retraduko en naciajn lingvojn.

Celo de tiu alvoko estas nun, ke ĉiuj lertaj Esperantistoj, kiuj estas pretaj traduki pli malpli grandan parton de tiu libro, ĉu el germana lingvo Esperanten, ĉu el Esperanto en sian nacian lingvon, konigu sian nomon al la subskribinta gvidanto. Ĉar oni ne povas pagi la laboron, oni estas devigita dividi ĝin inter multaj fervoraj kaj sindonaj Esperantistoj.

Se ĉiu *bona* Esperantisto tradukas nur po unu aŭ du paĝoj, la laboro povas esti farata en tre mallonga tempo, kaj ni denove pruvos al la mondo, ke nia lingvo estas supera ilo por tiaj entreprenoj, kaj tio certe estos grava propagandilo por Esperanto kaj U. E. A.

Ĉiuj interesatoj kaj helpemaj samideanoj — kiuj lerte uzas nian lingvon — donu sian adreson al J. Schmid, L. K. federala Komerca Departemento Bern, Svisujo.

P. S. — La nomo de ĉiu tradukinto montriĝos ĉe la kapo de la tradukita de li parto (ĉapitro, ktp.)

### Oni proponas!

∴ S-ro B. Tugurinov, Labor-Konsulo en Moskvo, proponas, ke la Del. samtempe kun la kotizaĵo rajtu akcepti 20 sd. plie por siatempe ricevi la Oficialajn aldonojn al la Jarlibro. Tio evitos dufojan mendon kaj poŝtelspezojn.

∴ S-ro Scarselli, Del. Firenze, proponas, ke al Firenza ĵurnalisto kiu insultis Esp., oni sendu, laŭ la adreso de la Esp-Oficejo (via de Pucci 17) ĉu vizitkarton. ĉu ian ajn Esp-aĵon por montri nian proteston.

### Oni laŭdas!

∴ S-ro E. Ulitzsch, Del, Gera, travojaĝis Bohemujon kaj sukcese uzis la servojn de Esp. kaj U. E. A. Li dankas speciale S-rojn Kühnl, Barowski, Kopecki, Pech en Praha kaj Kobe en Kladno, kiuj helpis lin per gvidado kaj informoj.

∴ La subskribintino, ne parolante eĉ unu vorton Germane, vojaĝis de Ĝenevo Rusujon tra Germanujo kaj plej kore dankas la Berlinan Delegiton, *S-ron Kœhler*, kiu dum preskaŭ tuta tago multe helpis al ŝi. N. Sosnovskaja.

---

# REKLAMO

## TARIFO

**Anoncetoj.**

Korespondado. — *Unu enskribo (2 linioj): 20 Sd (= 50 centimoj).*

Petoj & Proponoj ;Komercaj reklamoj. — *Unu linio (10 vortoj): 15 Sd (=40 centimoj).*

***Niaj abonantoj rajtas unu enskribiĝon por korespondado aŭ dulinian anonceton senpage.***

**Reklamo.**

*1 linio aŭ ĝia spaco 20 Sd (= 50 centimoj).*

*Por 4 enpresoj (anonceto aŭ reklamo) rabato de 10 o/o ; por 12 enpresoj, 25 o/o ; por 24 enpresoj (unu jaro), 50 o/o.*

Avizo. — Ĉia reklamo aŭ anonceto estu sendata antaŭ la 10-a kaj 25-a de ĉiu monato al nia administrejo aŭ per niaj agentoj. Antaŭa pago per poŝtmandato aŭ respond-kuponoj. Naciaj markoj ne akceptataj (krom por Hispanujo kaj Rusujo).

Ĝeneralaj Agentoj. — G. Warnier, 15, rue Montmartre, *Paris* ; Publicité Esperanto Herlemont, 25, rue Saint-Vincent-de-Paul, *Paris*, Xe ; S-ro A. Dupuis, rue de l'Arc-de-Triomphe, 2, *Paris* ; A. G. Browne, 20, Wellington St. Strand, *London, W. C.* ; Tutmonda Esperanto-Anoncekspedo, Th. Auding, *Berlin, S. W. 48* ; Germana Esp. Librejo, Sternwartenstr., 40, *Leipzig* ; Esperanto-Librejo, Tverskaja 28, *Moskvo*.

## KORESPONDADO

Ni atentigas la personojn, enskribitajn sub tiu rubriko, ke ili devas konsideri kiel *devon* kaj *honoron* respondi almenaŭ *unufoje* al ĉiuj personoj, kiuj skribos al ili laŭ tiuj anoncoj. Ciuj korespondantoj skribu sian adreson plej legeble (en nacia lingvo), se eble per stampo.

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. b.fl. = *bildflanko*.

Kassel (Germanujo). — Otto Sandrock, Grüner Weg. 19, PI. nur kun Ital., Portugal., Skandivav-Balkan kaj neeŭropaj landoj.

Danville (Usono, Penn'a). — S-ro Curtis Lore, 111 W. Market St. PK. kun ne-eŭrop. kaj Nord-Amerik. (PM. b. fl.).

Weissenfels-a/Saale (Germanujo). — S-ro Fritz Wolff, Weinbergstr. 17 II. PI. L. PM. kun aliland.

Reval (Rusujo). — J. Grüntal, fotografisto, Grosse Ioahimstal strasse No 34 kun ĉiulandaj fotografistoj kaj-inoj. Profesia scienca celo. P. I. fotografaĵoj. Tuj dankeme respondas.

Boulogne-sur-Mer. — S-ro Victor Haigneré, internaciaj transportoj, 149, rue du Moulin-à-Vapeur, PI.

Paris (Francujo). — G. Charles, 10, rue Thouin (Ve). PI.

Pordim Gare (Bulgar.) — S-ro Michajl Nikoloff, kun abelujistoj. Li deziras ricevi katalogojn. PK., reklamojn ĵurnalojn pri tiu objekto. Li liveras PM.

Thorn (Germanujo, Okcidentprusujo). — Kurt Frenkel, Gertenstr. 6. PI. PM. b. fl.

Verona (Italia) Attilio Vaona Advokato, Via Leoni 8, L. PK. PI.

Dijon (Côte-d'Or). — F-ino Marguerite Laborde, 4 rue de l'Arquebuse, K.

Beaune (Côte-d'Or, Franc.). — S-ro Housse, arĥitekturisto, rue de l'Hôtel de Ville, 1. k. kun samideanoj, precipe samprofesianoj.

Beaune (Franc., Côte-d'Or), — S-ro Joseph Pion, 34, rue de la Comédie L. PK. kun samid. el Pers., Japan., Ĥin., Bulgar., Dan., Grek., Norveg., Ruman., Serb., Sved., Hind., Turk-ujo, Malazio, Siberio. Antilioj, Kolombio, Venezuelo, Novzelando.

Poix (France, Somme). — S-ro Charles Lacoche, 18 jara ; per L. kaj *honeste* interŝanĝas PM. — S-ro André Gorlez, junulo ; per L. kaj PI ĉe S-ro Lacoche.

Wischau (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Gottfried Neubauer, sukerfabrikoficisto, PI. L. PM. kaj fotografaj., kun ĉiuland. samid. prefere ekstereurop.

Tiskdalen (Norvegujo). — Emil Andreassen PI. nur kun Grekoj, Turkoj, Serboj, Montenegroj, Belgoj, Azianoj kaj Afrikanoj.

Clevevand (Obio Usono). — S-ro Benj. E, Jones, 2152 W. 59rd. St. L. PI.

Witkovice (Aŭtrio, Moravio). — S-ro Al. Barta Ida Str. 392. PI. PM.

Prostejov (Aŭstrio, Moravio). — S-roj Jaroslav Neugebauer, oficisto, Nemocnice ; Rŭza Valova kaj Rudi Feike, Brnenska trida ;

Zora Prokšova ĉe S-ro Fiedler fotografisto, Petrska ul. no 4; Maria Cupakova Martinakova ul. 9. Ĉiuj PI. PM.

Poŝtkartojn (illustr.) interŝanĝi deziras *kun eksterlando* S-ro A Winkler, Gœrlitz Lœbauerstrato 11, kaj S-ro K. Schmidt Gœrlitz (Germanujo) Landeskronstr. 43. Kiu *al ambaŭ* skribos unu karton, ricevos grafologian karaktero-priskribon el sia manuskripto. Ni reskribos tuj ambaŭ.

Kovno (Ruslando). — S-ro Jozefo Szkabara, Vojennys Telegraf. PI. kun kopioj de pentraj., portretoj kaj vidaj.

Valaŝ. Meziriĉi (Aŭstrio-Moravio). — S-ro Rud. Rozenfeld, stud., PM. L. PK.

Moskvo (Rusujo). — S-ro V. Ŝablovskij, Novinskij bulvar, Progonnij pereul. d. 9 kv. 5. PI. L.

Egorjevsk, Rjazana (Rus.). — Magazeno de Konjuŝkov, S-ro A. Bagrecov, vilaĝana instruisto.

Eberfeld (Germ.). — F-ino E. Hennecke, 9, Arminiusstr. PI. L.

Odense (Danujo) S-ro Magnus Hensen « Ansgar ».

## PETOJ KAJ PROPONOJ

GRANDA HOTELO DU GLOBE, Paris, 71, Rue Monge (apud Rue Lacépède). Posedanto A. Leclerc. Proksime stacidomoj Austerlitz-Lyon-Montparnasse kaj Sportoĝardeno Sorbonne-Luxemburg'a ĝardeno. Ĉambroj de 0,80 Sm. ĝis 2 Sm. La gemastroj estas esperantistoj.

PROPAGANDILOJ UTILAJ KAJ INTERESAJ. — Bonvolu antaŭsendi kvar respondkupojn kune kun tri diversaj uzitaj poŝtmarkoj de via lando aŭ transpagilo 0,460 kaj vi ricevos afrankite skatolon da tri belaj parfumitaj sapoj devizo esperante S-ro F. A. Goodlifle Letchworth, Sterts, Anglujo.

VIDINDA RESTADEJO HENNEBONT, Morbihan (Francujo). — S-ro Jose Mariette, Del. de U. E. A. plezurege ricevos dum somero, kiel lastan jaron, fremdlandajn esperantistojn. Li ĉiam respondos al demandantoj tiucele.

RIPREZENTADO. — Por riprezenti en Valencio (Hisp.) gravajn, komercajn kaj industriajn firmojn, sin turni al S-ro Luis Perez. C. San Miguel, no 3, Valencio (Hisp.). Delegito de U. E. A.

S-ro BRUN, strato Marie-Thérèse 3 Mourillon, Toulon, Var Francujo. — Armilejaj laboristesperantistoj el Tulono ne povante partopreni al la antverpena Kongreso pro la vojaĝa elspezo, deziras esti la servistoj, de iuj kongresanoj dum la vojaĝo kaj kongrestagoj; sufiĉe ke oni pagu por, ili la iron kaj reiron el Tulono, por bonaj referencoj sin turni al la delegito de U. E. A. Urbestro k. t. p.

LIBERTEMPO. — J. Andersen, Ny Kongevej, Odense, Danujo, serĉas junulon (ĉ. 20-25 jaroj) kun kiu li povas interŝanĝi senpagan restadon dum ĉ. 2 semajnoj tiun ĉi someron. Plejvole en Germanujo. Svedujo aŭ Norvegujo. Skribu plej baldaŭ.

SVEDAJ GESAMIDEANOJ! — Mi tre deziras korespondi kun svedaj fraŭlinoj kaj sinjoroj, vidajkarte kaj letere! Reinhold Claussz, Leipzig-Schœnefeld, Dimpfelstrato 54. III.

FRANCON aŭ Francinon akceptus kiel pagantan gaston gedoktoroj Poole; ili parolas angle, france, iom esperante. Celo: reciproka lingva ekzercado. Skribu rekte: North Side House, Linchwaite, Huddersfield, Angl.

MUZIKO. — Saksa Studento dez. koresp. kun muzikama *Fraŭlino* el Parizo aŭ Londono pri arto, muziko, k. t. p. en ŝia urbo M. Kirsten, Schützenstr. 15-II, Jena, Germ.

EKSPEDA FIRMO. — Krook Persson, en Lübeck. Ekspedoj la nordo. Eksport- kaj import-komisioj. Adreso: G. Klefe, Unterave, 8, Lübeck (Germanujo).

POŜTMARKOJ. — Mi deziras aĉeti pogrande poŝtmarkojn de iuj landoj. Sendu al mi priskribon kaj prezon de kiom vi havas. Mi sendos 100 diversajn Amerikajn poŝtmarkojn po Sm. 0,30. C. E. Nickles, 122. Fla. Ave. N. W., Washington D. C. Usono.

LIBERTEMPEJO. — Kiu franca familio akceptus *dum julio* Germanan 30 jaran instruiston, kiu donus kompense al la gefiloj germanajn lecionojn? Oni bonvolu sin turni al *Fritz Pfaff*, Seb. Münsterstr. 12, Worms, Germ.

KONVENAN OFICON SERĈAS en *Francujo* juna studendo de Pedagogia Instituto. Sin turni por kondiĉoj al S-ro K. Jen, Ĉes. Budejovice, Bohem. (Aŭstrio).

SENPAGAJ INSTRUKCIOJ pri hipnotismo kaj pri magnetismo. Sin turni al Societo Psychique, Paris XIXe, 142, rue Flandre.

POŜVORTARO. — Tre interesa libro por hispanlingvanoj kaj fremduloj vizitontaj latinajn landojn. Enhavas pli ol 10.000 radikojn. Lukse bindita 2 Fr. Adresu al S-ro X. Tuduri, S. Sebastia (Hispanujo).

ATENTU! Bonvolu antaŭ sendi Mk 1 (1 fr. 25) kaj vi ricevos sukceplenan novan kanton: *Mi amas vin* (5 ekz. Mk 4. — Fr. 5; 12 ekz. Mk 8. — Fr. 10; 20 ekz. Mk 12. — Fr. 15; 40 ekz. Mk 20. — Fr. 25. — S-ro Felix Hlobil, Valaŝ. Meziriĉi, Austrio-Moravio.

RIPREZENTADO. — S-ro L. Richard, 7, place de Beaune, Chalon-sur-Saône, Franc., petas riprezentadon de fremdaj vendajoj; tre grave.

LA DEL. DE U. E. A. EN AMERIKO, kiuj scias ion pri mia frato. Julius Pfennigwerth laste en Granite City, Ilinos. estas petataj sendi sciigon al Robert Pfennigwerth, Hirschfelde i. Sa. Germanujo.

« GESTUDENTAJ INTERESOJ. » — Sola studenta organo. Jarabono Sm. 1. — Redakcio: « Esperanto » en Luhaĉovice (Aŭstrio, Moravio).

RIPREZENTADO. — D. Mazzini Nipote, Genova, Italujo, serĉas riprezentadon por Italujo de fremdaj firmoj por la vendado de kafo, feloj, produktoj por tanistoj, ĥemiaĵoj, oleoj, sebo, k. t. p. Oni korespondas esperante.

---

*La Administranto (Gérant) :* Michaud

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo).

